DUA JARO * NUMERO * MAJO 1923
5 (8)

*

# LITERATURA MONDO

RESPONDA REDAKTORO:
D^RO TEODORO SCHWARTZ

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, D^RO KOLOMANO DE KALOCSAY, PAŬLO DE LENGYEL, PAŬLO BALKÁNYI, ADALBERTO BAYER

SEKRETARIO:
ENDRE HEVESI

*

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO:
BUDAPEST, VI, ANDRÁSSY-UT 81

PRESITA: GLOBUS PRESARTINSTITUTO A. S.

**NIA KUNLABORANTARO:**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), F. E. HAINE (BRUXELLES), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), PAŬL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAŬL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA H. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (KIŜINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER

## AŬDU! KARA LEGANTO AŬDU!

Ne atendu, ĝis la revuo montriĝos certe vivkapabla. Se ĉiu atendos, la revuo nepre mortos.

Vi havas per la revuo nur ĝuon, ni havas laboron kaj monriskon. Do rigardu ĝin kiel la vian, amu ĝin, laboru por ĝi, ĝi estas ja por via plezuro.

La Esperantistoj plejparte nur tiel abonas, se gazeton kaj manplaton oni tenas al ili sub la nazo. Tiajn manplatojn ni petas kaj bezonas.

La revuon ni rigardas nur semo, el kiu povos ĝermi impona kaj belega kreskaĵo; ornamo, eĉ garantio por nia movado. Ne lasu perdiĝi la semon en la Saharo de l' indiferenteco.

Se vi ne estas literaturamanto, abonu la revuon por propagando. Laŭ niaj spertoj ĝi bone taŭgas por tio.

Sciu, ke nia ŝatata belga reprezentanta *Franz Schoofs*, kiun ni ĉi tie korege dankas, abonigis la revuon per pluraj publikaj bibliotekoj kaj institutoj. Imitu lian ekzemplon! Ĝi estas granda helpo por ni kaj bona propagando por Esperanto.

Certe atendante multajn abonojn kolektitajn de vi, kore salutas vin

LA REDAKTA KOMITATO

## PREZOJ NOVAJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

## EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Pels y Lakatos, Buenos-Aires, 25 de Mayo 294.

*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.

*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.

*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.

*Belgujo:* Franz Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. — *Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.

*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.

*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.

*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.

*Francujo:* Raymond Schwartz, 4, rue d'Hauteville, Paris.

*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona, Str. Villaroel 107, 2º 2º.

*Italujo:* Johano Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.

*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitskaulica 1.

*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga

*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.

*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—1., Kristianio.

*Rumanujo:* Esperanto Oficejo, Cluj.

*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.

*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

## REDAKTA ANGULO

Ni kore salutas ĉi tie nian ŝatatan akademianon Paul Nylén, kies nomo memorigas nin pri la heroaj tempoj de Esperanto. Li diras sin en sia letero „veterano, sed ankoraŭ sur batalkampo." Granda ĝojo estis por ni presigi la tradukon, per kiu li honoris nin.

*

Sinceran gratulon al niaj karaj kunlaborantoj F. Diez, A. Giesswein, K. de Kalocsay, P. Medem, okaze de ilia aniĝo al la Lingva komitato.

*

La kataluna Esperanta Federacio afable donis permeson presigi en nia revno verkojn premiitajn dum la ĉi jaraj Floraj Ludoj en Manresa. Dankon pro tio!

Ni intencas en ĉiu numero doni de nun almenaŭ unu premiitan verkon.

*

Ni denove atentigas niajn kunlaborantojn, precipe la malgrandnacianojn, pri nia „Mondliteratura Observo", por ke ĝi povu fariĝi fidela spegulo de la aktuala literatura vivo de l' tuta mondo.

*

# LA TREZORO DE GUILLERMET

JOAQUÍN ADÁN



roksime de Avignon, en densejo de bosko, grupeto da poetoj ripozis iun someran matenon de 1160. La hela mediteranea suno trapenetris la arbajn foliarojn kaj plenigis ilin per luma diafaneco. Kuŝante sur herbejo, la trubaduroj intime babiladis, kiam ili vidis alproksimiĝi sur la vojeto viron, kiu ankaŭ portis sur sia vesto oran kalendulon, trofeon de l' poetoj. Ne malproksime, lin sekvis nigrokula junulo.

— Bonvenon, Petro *Ramón*, — diris tiu, kiu ŝajnis la plej respektita el ili

Kaj dum li atente rigardis la knabon, li demandis:

— Ĉu tiu, kiun vi kunportas meritas esti nia kunulo?

— Ne ankoraŭ, — respondis la junveninto — sed li tion aspiras. Mi aŭdis liajn kantojn, kaj mi vetas ke, se tia estos la frukto matura, kian promesas la planto, li estos inda amiko via, *Bernardo de Ventadorn.*

Ĉi tiu rigardadis la junulon. Tiu estis kvazaŭ knabo. Konfuzite sub la rigardo de tiu, kiu sin kredis la unua poeto de sia epoko, li tremis pro emocio.

— Vi deziras aparteni al ni. Vi estas bela, vi akiros por vi amon. *Giraldo de Borneil* instruos al vi la arton verki poemojn tiel klarajn, kiel la suda lumo de nia raso. *Aimeric de Sarlat* vin gvidos en la koraj sekretoj. Mi, Bernardo, kiun amis Reĝino *Leonor de Aquitana*, protektos vin. Sed vi devas pruvi, ke vi havas en via koro fontanon de dia arto.

— Kaj se mi pruvos tion?

— Mi kondukos vin en la Kortegon de l' Amo ĉe *Pierrefeu*. Vi vidos belajn festojn. En la monato majo ili estis tiaj, kiajn oni neniam konis antaŭe. Apenaŭ tagiĝis, kiam ni iris ĉasi. Rajdantinoj sur delikataj paŝoĉevaloj, belaj nobelulinoj kaj poetinoj. Flirtis la flagoj de Sankta Huberto, la grafaj standardoj. Kun akra krio ekfugis el la manoj la akcipitro, la falko, la nizo. La tutan tagon daŭris la festo. Poste, en la nokto, la kastelo brilegis luksoplene. Vi ja scias, amikoj, kiu ricevis la premion de l' poetoj. *Bernardo de Ventadorn* estas la unua, eĉ kiam li estas inter la unuaj. Abunde fluis la pura vino de Italujo. Dekdu baronoj, malavaraj kvazaŭ reĝoj, konkuris pri donacemo, kaj estis unu el ni, kiu gajnis: *Roberto de Auvernia!* Li montris sin inda estro kaj trubaduro.

— La Delfeno de *Auvernia!* — ĉiuj murmuretis respekte.

— Grandioza estis la festo, sendube — diris *Aimeric*. Grandega estas la riĉeco de Roberto, sed baldaŭ mankos al li mono.

— Negrave! — aldonis Bernardo. — Lia vivo almozula estos briligita per la lumo de lia vivo princa. Ĉu vi eble preferas la maljunan *Guillermet*, kiu povus esti princo, kaj tamen restas ĉiam almozulo?

El la grupo leviĝis malamika litanio.

— *Guillermet*, la avarulo!

— Ĉifonulo, mizerulo!

— Neniam lia mano helpis nin!

— Neniam li metis sur sian pordon la gastaman kaskon!

La junulo, aŭdinte iliajn riproĉojn, demandis:

— Kiu estas Guillermet?

— Li estas la plej riĉa barono en *Provenza* — klarigis *Giraldo.* Lia malamo al la trubaduroj estas tiel granda kiel lia riĉeco. En lia kastelo, kiu staras proksime de ĉi tie, ni nur trovas servistojn pretajn inciti la korthundojn. Oni rakontas pri poeto, kiu forrabis la amon de lia edzino, oni rakontas, ke li gardas en la kastelturo grandan trezoron... Tamen oni scias nenion certan.

— Kaj ĉu neniu el vi kapablis moligi lian koron?

— Neniu! Ni verkis la plej kruelajn satirpoemojn, ni kantis kontraŭ li ĉie, kaj neeble estis lin fari pli afabla.

— Certe ne sufiĉis tio, kion vi faris — murmuretis la junulo.

— Ĉu vi do sentas vin pli kapabla? — aldonis ridante la poetoj.

— Jes! — li respondis kolere pro la mokoj — mi fleksos la maljunan *Guillermet*, mi fleksos la *ogron.** Vi petis de mi pruvon, Bernardo; kiam mi revenos, vi akceptos min kiel amikon, estu certa.

Rapide li foriris. Dum li estis videbla, ne

* Hispane: *ogro;* france, angle: *ogre;* itale: *orco;* germane: *Werwolf;* ruse: *oboroten.* (Infanmanĝa monstro.) — La rusa vortaro de Ŝmurlo tradukas ĝin per: luphomo, hombesto.

ĉesis ŝerci la trubaduroj. Nur tiu de *Ventadorn*, kiu ĝis nun silentis, nun diras serioze:

— Kiu scias? La fido tiom kapablas, ke eĉ el mallumo ĝi eltiras lumon.

Ĉirkaŭe leviĝis murmuroj, sed li aldonis:

— Kredu al mi... Nur oni bezonas antaŭ ĉio fidon, kiu eltrovas la lumon en la mallumoj.

*

Kun liuto sur dorso alvenis la junulo al la kastelo de *Guillermet*. En la plenluna nokto densan silueton de ŝtona loĝejo desegnis la ĉiela helo. Kuraĝe li saltis tra arbetaĵo kaj eniris. Kiam li estis jam apud la pordo, li ekludis sur sia instrumento. Tuj poste li aŭdis bruon inter dornarbetoj, li turnis la kapon kaj samtempe krudaj manoj haltigis lin. De alia loko eliris tri viroj, kies manoj ankaŭ maldelikate kaptis lian korpon.

— Kaptita vi estas! — kartavis iu el ili malafable. — Ĉu vi ne volis eniri en la domon? Jen la pordo staras senbare antaŭ vi. Je mia fido! Nia mastro ne povas plendi pri sia sorto.

Kaj ili puŝis lin en vastan salonon senordan kaj malgajan, apenaŭ lumigitan de mortanta torĉa lumo. Meze, apud tablo, *Guillermet*, senhara kaĵ mizera, konsumis vespermanĝon.



MAC NEIL JAMES WISTLER: FRAŬLINA PORTRETO

— Bonvenanta! — li ekkriis malice. — Vi vidis la festojn en la kastelo de gegrafoj *Dia* kaj nun vi volas esti mia gasto. Fripono, vi tre bone flaras!

La rido tremigis lian pintan nazon, la servistoj ankaŭ ridis.

— *Guillermet,* diris la kaptito, mi scias kiu vi estas. Malgraŭ mia juneco, mi konas vian avarecon, kaj mi venis por savi vin.

Sovaĝa rigardo vivigis la avidajn okulojn de l'maljunulo.

— Des pli bone! Oni diris al vi, ke mi posedas grandegajn trezorojn. Vere, oni ne trompis vin. En la turo mi gardas mian plej karan riĉaĵon, vivon de mia vivo, nutraĵon de mia animo. Tiu ĉi pordo kondukas al la turo, nek vi nek mi malfermos ĝin perforte; sed se vi sukcesos ke ĝi malfermiĝu mem, via estos mia riĉeco. Kaj nun kantu, ofendu min, insultu min kiel viaj kunuloj; pli facile vi moligos tiujn feraĵojn ol la koron de la maljuna *Guillermet*.

Ritme kaj dolĉe eksonis melodio el la liuto.

— Malbona agordo por satiratako, — grumblis *Guillermet*.

La voĉo de l'trubaduro plenigis la salonegon, la turon, la tutan kastelon.

„*Guillermet!* — ĝi kantis — *Guillermet!* Iun tagon la feliĉo kuris for de vi kaj feliĉa esti vi ne volis plu. Kaj de tiu tago vi obstine gardas koleron en via kor'. Kial vi ne volas do pardoni? Ĉu forneas sian lumon al ni sun', ĉar belecon ĝian kaŝas nuboj dum moment'? Anstataŭ malami, pardonu, ĉar la amo portas kun si amojn kaj ĝojojn, ĉar por amo kreis Dio vin."

La maljunulo ne ridetis. Nerve li ekrigardis la pordon de l'turo kaj murmuris:

— Sensukcese, etulo, sensukcese.

„Kiam de kastelo via vi rigardas la ĉielon lumigitan de steloj, kiam vi vidas la tagiĝon admirindan, kaj rigardas la kamparojn kaj aŭdas la pepadon de l birdetoj kaj aŭskultas la edziĝkantojn de l' paŝtistoj, tuta via korpo tremas pro angoro: vi sentas vin la plej malfeliĉa. Jen, malamas vi la aĵojn kaj la aĵoj vin repuŝas. *Guillermet, Guillermet!* Amu ĉion, kion vidas, kion tuŝas, kion aŭdas vi kaj ĉio vin karesos kaj vi estos parto de la senfina amo kreita de Dio."

— Silentu, malbenita, silentu! — kriis konvulsie la maljunulo.

„Forĵetu la malamon sekigan por via spirito. Se vi ofendas tiun kiu vin ĉagrenis, li kredos ke li estis prava, se vi pardonas, vi pligrandigas en li la honton pri lia kulpo. Guillermet! Forgesu la koleron, estu bona, havu amon al

ĉio, amon kiu purigas la manojn de l' ricevinto, amon kiu purigas la manojn de sia malŝparinto, ĉar tiel estas la amo kreita de Dio."

En la senorda salono de l'kastelo nun okazis io mirinda. Tio estis, ke grincis rustiĝinta riglilo, malfermiĝis la pordo kaj ĉe l'sojlo aperis la plej bela junulino, kian vidis iam homaj okuloj.

— Adelaida, filino! — ekkriis Guillermet — Reiru en la turon, reiru en vian lokon.

— Patro! — ŝi respondis tremante — Vi ĵurigis min, ke mi ne eliros, ĝis kiam eksonos amoplenaj vortoj en ĉi tiu domo. Ĝis nun mi aŭdis nur insultojn kaj mokojn, sed la sopirita voĉo jam aŭdiĝis, kaj la kantisto estas tiel bela, ke se vi forŝirus min de li, mi mortus, patro, mi mortus.

— Guillermet, ĝojkriis la junulo. Rememoru viajn vortojn. Via plej kara trezoro estas la mia, tiel la mia, kiel tute mi estas la ŝia. Nenion vi povas fari kontraŭ la sorto. La amo alvenis ja en vian domon, malfermu vian bruston por ricevi la aman vundon.

Submetite, la maljunulo silentis. La gejunuloj interplektis siajn manojn pasie. Kaj tiun someran, plenlunan nokton aŭdiĝis ĉi tiu kanto de la ŝtona turo:

„En koroj de l'homoj vi povas ektrovi kvalitojn la plej altajn, sin kaŝintajn pro timo: esti makulitaj. Mallerte vi povas ilin ŝovi eĉ pli profunden. Sed parolu en lingvo ilia: vi vidos ilin aperi malgraŭ ilia timemo, malgraŭ ilia propra volo. Se vi sur fundo de kaverno malkaŝas trezoron, vi ne estu densa nebulo, sed estu hela radio, per kiu ĝi brilos.

„Trubaduro! Portu mian kanton al ĉiuj homoj kaj diru al ili: La bono loĝas en la mondo, vi mem devas esti tiel bonaj ke vi trovu ĝin. Ĉar se vi fariĝos bonaj, la bono elfluos de vi mem.

El la hispana: FELIKSO DIEZ

---

# DU MINIATUROJ

ENDRE HEVESI

## FABELO PRI LA VERDO



Tiam okazis tiu ĉi histori', en pratempa malproksimo, kiam la naturo jam vestis la arbojn per verdaj branĉoj kaj la floroj jam elspiris majestan parfumon, sed la homo ankoraŭ estis malpura kaj malbonodora de la patrina tero kaj li ne kaŝis sian nudecon.

Tiam okazis tiu ĉi histori', kiam la birdoj jam kantis sur la verdbranĉaj arboj sed la parolo de l' homo estis nur unusilaba balbuto . . .

Tiam okazis, kiam la homo staris je la komenco de l' Vivo.

En la profundo de la ĉiam malhela kaverno time kaŝis sin homgrupo; ili frosttremis kaj timis. La nokto surteriĝis kun siaj terurajoj kaj ekaperis la grandegaj fantomoj de l' nokto kaj la homoj bone aŭdis la tremigan blekegon de iu malproksima monstra besto (eble kies degeneritan idon ni nomas leono), en la aero kun terura grako birdegoj flugadis kaj sur la seka herbo rampis serpentoj kaj abomenaj rampbestoj.

Ho, kia nokto!

Tagiĝas. Sed la mateno ne portas senŝarĝigon. Komenciĝas la batalo por la ĉiutaga radiko. Per la ŝvito de l' korpo, per la risko de la propra vivo ili gajnis el la patrina tero la ĉiutagan panon: la abomenindan, sengustan radikon, kiun volupte maĉis la dentoj de l' prahomo, sin nutranta por esti pli oportuna rabaĵo por la regantoj de la pratempoj: la bestoj.

Ni ne neu, ni ne hontu konfesi: la lastaj ni estis sur la tero. Niaj malamikoj estis la Naturo, la besto, la tempo, la stomako, la seksinstinkto, kaj mem la homo. Ni jam venkis el ili tri: la Naturon, la beston kaj la tempon; nur tri malamikojn havas jam la homaro: la stomakon, la seksinstinkon kaj la homfraton.

Ho, kiel mirinda estas la homa evoluo!

Kaj nun mi rakontas al vi, kiel venkis unue kaj lastfoje la homo sin mem.

Vivis iam fortega homo en iu kaverna familio. Per unu mano li suprenlevis ŝtonojn, pezajn kiel tri-kvar homoj, kaj per du manoj li distordis kaj disŝiris beston.

Je li fidis la fortaj kaj pri li' fanfaronis la malfortaj. Se ili militis kontraŭ la loĝantoj de alia kaverno, en la batalo li ĉiam estis en la unua vico, li mortbatis per siaj pugnoj la plej multajn malamikojn, li dispremis per siaj piedoj la virinojn en la okupita malamika kaverno kaj disŝiris per siaj dentoj la novnaskitojn.

Okazis iam, je sunbrila tago, ke la forta viro forlasinte sian homgrupon proksimiĝis al iu malamika kaverno.

Li venis al intermonto. Sur la alia flanko aperis alia viro, kiu ekvidinte la proksimiĝantan malamikon prenis ŝtonon de sur la tero kaj jetis ĝin sur lin.

La ŝtono traflugas la fendegon kaj trafas la celon. — La sensuspekte marŝanta viro, trafite de la ŝtono, ekveas, lia buŝo ŝaŭmas pro kolero, sed ne atentante pri sia doloro, li ankaŭ prenas ŝtonon kaj jetas ĝin per besta forto al sia atakinto.

Tiu ekŝanceliĝas, sterniĝas sur la tero. El lia rompita brusto la sango fluas teren kaj lia bestosimila stertorado subpremas la kanton de la birdoj.

La forta viro denove prenas ŝtonon. Grandan, pezegan ŝtonon. Li prenas svingon, por ke li povu pli forte ĝin jeti.

La alia, sur tero kuŝanta vundito, kies sango jam ruĝkolorigis la teron, sentas, ke finiĝos ĉio: la virino, kiun li gardas, la nutranta radiko de l' tero, la tuta estado, se trafos lin tiu grandega ŝtono jetota kun sovaĝa svingo.

Ne estas savo. Li ne povas sin movi. Liajn unusilabajn petvortojn ne komprenas la alia.

Per sanga mano, kun lasta forto li ŝiras senkonscie de la arbetaĵo, apud kiu li falis, verdan branĉeton kaj per konvulsiaj manoj, kvazaŭ por defendo, li faras signojn al sia malamiko.

La jetpretá mano de tiu rigidiĝas. Kun larĝe malfermitaj okuloj li rigardas la sangan malamikon, kiu mute signadas per la verda branĉeto.

La ŝtonon li faligas kaj senmove li rigardas la mortanton.

Tiu signadas: petas pacon. Ĉiam pli kaj pli malrapide svingiĝas la branĉeto. Poste li faligas la verdan foliaron kaj sterniĝas en sango.

La verda branĉeto falas sur lin kaj kovras la sangon. Kaj denove aŭdiĝas la kanto de l' birdoj.

La alia, la vivanto, la fortulo kuras ne rerigardante; li kuras al sia kaverno por rakonti al la malfortuloj la misteran okazintaĵon.

Jene venkis unue la homo sin mem.

Tiam ekregis la unuan fojon paco sur la tero.

Kaj ankaŭ lastfoje . . .

## LA KANTO KAJ LA VORTOJ



Maljuna latva kantisto vagadis sur la kurbaj, multkoloraj stratoj de Byalistok. Vere vagabondan aspekton li havis: lia griza barbo estis taŭzita, liaj vestaĵoj ŝiriĝis dum la longa vojo, la ŝuojn anstataŭis ĉifonoj kiuj tra- kaj trakaresis siajn piedojn. Ĉie li ricevis panon sekan, ĉar alian la almozdonantoj — mem ankaŭ malriĉuloj — ne povis doni, sed neniu demandis lin, kial li vagadas. Tion en la dua duono de la XIX-a jarcento neniu demandis en Polujo kaj Baltiko. Eble li vagadas pro la persekutoj de la rusa subpremo, eble la malsato forkurigis lin el lia pli norda lando. Kiu demandus? Se pro malsato li forlasis sian hejmon oni donu al li panon, se la rusa, cara tiranismo lin forpelis, oni donu al li pli grandan pecon.

Li vagadis sencele. Li ne komprenis la parolantajn homojn sur la stratoj: ili parolis la lingvojn rusan, polan, hebrean, germanan, nur ne la latvan, la solan lingvon kiun la maljunulo posedis. Li malsatiĝis. Sed neniu komprenis liajn vortojn per kiuj li petis panon. La stratirantoj rapide, senhalte iris al siaj celoj.

La maljunulo haltis, sidiĝis sur strata ŝtono, prenis sian aĉan, gitarsimilan muzikilon, kiun li heredis de sia avo, kaj agordis kanton. La komencaj akordoj elflugis, la maljunulo ekkantis la akompanatan kanton kiu funebre trafluis la straton. La homoj haltis antaŭ la kantisto, unue du- tri, kelkaj temphavuloj, poste aliaj, multaj, kiuj haltis dum momento en siaj rapidaj marŝadoj al siaj aferoj. Neniu komprenis la vortojn, fremdaj ili estis por la polaj, hebreaj oreloj, sed la melankolio, la sopiro, kiu elkreskis el lá melodioj katenis ĉiun animon kaj la rondo ĉirkaŭ la kantanto ĉiam pli kaj pligrandiĝis. La moneroj de la aŭskultantoj jam duonplenigis la ĉapelon metitan sur teron.

Patrino preteriris kun sia infano. Ili haltis ankaŭ, por aŭdi la kanton. La patrinon kortuŝis la melodioj, larmoj aperis en ŝiaj okuloj: larmoj de rememoro pri la juneco, pri la malproksima hejmo, larmoj pro la Vivo. Ankaŭ en la animo de la knabo lasis profundan impreson la kantanto. Nur post longa petado de la patrino li volis foriri kaj senvorte li marŝis je la flanko de la virino.

— Patrinjo, kiel bele li kantis — komencis fine la knabo.

— Jes, karulo, belega ĝi estis.

— Nur la vortojn mi ne komprenis, panjo; nur la kanton mi aŭdis. Kian lingvon parolis la kantisto?

— Fremdan lingvon, por ni nekompreneblan.

— Kial estas, patrino kara, ke la homoj ne komprenas unu la alian kaj ni ne komprenas la vortojn de la bela kanto?

— La bona Dio aranĝis tiel, fileto.

— Kiel domaĝe! Ĉu la bona Dio ne aranĝos iam alimaniere? Vi vidos panjo, li donos iam lingvon, kiun ĉiu komprenas, kiel bela estos tiam la kanto!

— Ne parolu sensencaĵojn, Ludoviko, kaj venu pli rapide.

La patrino kaj la knabo malaperis en iu flankstrato. En la kanto de la maljunulo nun sonis kvazaŭ ia mistera promeso.

EL LA PROGRAMO DE KABAREDO „VERDA KATO" PARIZO

*

RAYMOND SCHWARTZ

*

### KONVENA ĈAPELO



Min kaptis sufoka kolero,
Ĉar mia edzino konfesis,
Ke ĝis la tutlasta monero
Por robo ŝi ĉion elspezis;

De ŝvita monato la gajnon
Ŝi pro koketemo malŝparis,
Kaj poste neniel eĉ ŝajnon
De penta pripento ŝi faris.

Mi tial malfermis la kluzon
De ĉiuj insultaj fivortoj,
Riproĉis al ŝi la misuzon
De miaj laboraj virfortoj . . .

Responde ŝi kontraŭdisputis
Ĵurante ĉe l' kruco de Kristo,
Ke kontraŭ virin' mi kondutis
Sen kor' kiel vir-egoisto,

Kaj plue ŝi kriis laŭtplore,
Ke de nun ŝanĝiĝos l'afero,
Ŝi iros tuj for kaj samhore
Ŝi mortos sen mi... en rivero!

Kaj vere ŝi tuj sin ekvestis
Por iri kaj morti — sen danko,
Sed baldaŭ ŝi haltis kaj restis
Senmove medita ĉe l' ŝranko...

Mi tiam demande incitas:
„Do ĉu vi ne iras, anĝelo?"
„Jes, tuj, mi nur iom hezitas,
Ĉar mankas konvena ĉapelo!"



# LA FABELO DE SANKTA-GOTHARDO

AUGUST STRINDBERG



Estas sabata vespero en Göschenen en la kantono Uri, unu el la kvar Pra-kantonoj, en la kantono de Wilhelm Tell kaj de Walter Fürst. Sur la norda flanko de Sankta Gothardo, kie germana lingvo estas parolata, kaj kvietaj, amikemaj homoj loĝas, kiuj posedas la rajton decidi mem pri siaj aferoj, kie „la sankta arbaro“ staras ŝirmante kontraŭ lavangoj kaj montaj defalegaĵoj, tie kuŝas la verdanta vilaĝo ĉe rivereto, kiu movas muelilajn radojn kaj entenas trutojn.

Nun en la sabata tagfino, kiam vespera sonorilego sonorigas je *Angelus*, nun la vilaĝanaro kolektiĝas ĉe la puto sub la granda juglandarbo. Jen venas la poŝtestro, la prefekto kaj la kolonelo mem, ĉiuj ĉemizmanike kaj portante sur la ŝultro falĉilojn. De la herbofalĉado hodiaŭa ili venas por lavi la falĉilojn, ĉar ĉi tie la laboro estas honorata, kaj plej bone estas fari mem. Poste venas la knaboj ankaŭ kun falĉiloj, kaj sekvas la knabinoj kun la laktsiteloj; laste kolektiĝas la hejme naskitaj bovinoj grandegrasaj, el kiuj ĉiu bovino estas granda kiel virbovo. Grasa estas la lando kaj benata ĝi estas; sed la vino ne kreskas tie sur la norda flanko de Gothardo, ankaŭ ne la olivo, nek la silkarbo, nek la abundkreska maizo. Verda herbo kaj orkolora greno, la alta juglandarbo kaj la grasa mangoldo, jen la rikolto de la lando.

La gastejo Ora Ĉevalo kuŝas apud la puto, malsupre de krutaĵo de Sankta-Gothardo; kaj tie en la ĝardeno, ĉe unu sola longa tablo ili nun sidas post la laboro de l' tago, la lacaj falĉistoj, ĉiuj ĉe la sama tablo, sen rangordo; la prefekto, la poŝtestro, la kolonelo, ankaŭ la junaj servistoj; la fabrikisto, kiu faras pajlajn ĉapelojn, kaj liaj laboristoj, la malgranda botisto de la vilaĝo, la instruisto kaj ĉiuj la aliaj.

Ili interparolas pri la rikolto kaj la melko; kaj ili kantas kune, kantojn kiuj sonas en simplaj trisonoj simile al la paŝtista korno kaj al la bovinaj tintkloŝetoj. Ili kantas pri la printempo kaj pri ĝiaj puraj ĝojoj tiel fidelverde kaj esperblue.

Kaj ili trinkas la blondan bieron.

Poste la junularo leviĝas por ludi, lukti kaj salti, ĉar morgaŭ estos pafista festo kun konkursaj ludoj, kaj tiam urĝas esti membrevigla.

Kaj pro tio nemalfrue oni sonigis la vespersignalon per la kornoj, ĉi tiun vesperon, por ke neniu venu nedorminta kaj malvigla al la festoj, ĉe kiuj la honoro de la vilaĝo estos riskata.

*

La dimanĉo eniris kun sonoj de sonoriloj kaj kun sunbrilo; feste vestitaj homoj kolektiĝis el la proksimaj vilaĝoj, kaj ĉiuj ŝajnis plendormintaj kaj ĵus vekiĝintaj. Preskaŭ ĉiuj viroj estis elŝanĝintaj la falĉilojn je la pafilo; la knabinoj kaj la edziniĝintaj virinoj donis al ili ekzamenantajn kaj kuraĝigajn rigardojn, ĉar pro domo kaj hejmo ili lernas pafi; kaj la majstropafisto sciis, ke li havos la permeson ekmalfermi la dancadon kun la plejbelulino.

Jen venis grandega ŝarĝveturilo tirata de kvar bravaj ĉevaloj ornamitaj per rubandoj kaj floroj; kaj la tuta ŝarĝveturilo estas unu



J. GRÜNWALD B.: VEKIĜO DE PRINTEMPO

sola granda laŭbo kun benkoj interne; oni ne vidis la homojn interne en ĝi, sed oni aŭdis kantadon el interne, belan solenan kantadon, pri Svisa lando kaj Svisa popolo, pri la popolo plej bela kaj plej brava.

Poste venis la procesio de infanoj; ili marŝis duope, je mano en mano, simile al bonaj amikoj, aŭ kvazaŭ malgrandaj novedzinoj kaj novedzoj.

Kaj kiam la sonorilegoj eksonis, ĉiuj iom post iom alproksimiĝis al la preĝejo.

Sed kiam la Diservo estis finita, la festo komenciĝis; kaj ĉe la pafejo, kiu estis apogata kontraŭ la grandega krutaĵo de Sankta-Gothardo, baldaŭ krakadis la pafoj.

La filo de la poŝtestro estis la majstropafisto de la vilaĝo, kaj neniaj duboj ekzistis, ke li gajnos la premion. Li pafis unu serion, kaj trafis kvarfoje el ses pafoj la celcentron.

Sed tiam estis aŭdata supre de la monto kriegado kaj diskrakado; ŝtonoj kaj gruzo defalegis malsupren laŭ la krutaĵo, kaj oni vidis la abiojn de la sankta ŝirma arbaro ŝanceliĝadi kvazaŭ pro ventego. Baldaŭ aperis sur ŝtonbloko, portante la pafilon sur la ŝultro kaj svingante per la ĉapelo, la sovaĝa ĉamĉasisto Andrea, el Airolo, itala vilaĝo en kantono Tiĉino, trans la Alpoj.

— Ne iru en la arbaro! — kriis ĉiuj pafistoj.

Andrea ne komprenis.

— Ne iru en la sankta arbaro! La monto falegos sur nin! — kriis la prefekto.

— Nu do ĝi falegu! — respondis Andrea kaj malsuprenglitis kun furioza rapidego de la kruto. — Kaj jen estas mi!

— Vi alvenas tro malfrue! — diris la prefekto.

Neniam mi venis tro malfrue — rediris Andrea, kaj antaŭeniris al la pafejo, subĵetis sesfoje la pafilon al la vango kaj trafis sesfoje la celocentron.

Nun li estus la venkinto; sed la korporacio havis siajn leĝojn, kaj oni ne ŝatis la nigran, italan popolon de trans la monto, kie kreskas la vino kaj estas ŝpinata la silko. Tie estis deantikva malamikeco kaj la pafo de Andrea ne povis esti kalkulata.

Sed Andrea aliris al la plejbelulino, kiu estas la propra filino de la prefekto, kaj li petis ĝentile la permeson malfermi la dancofeston ĉi-vespere kun ŝi.

La bela Gertrud ruĝiĝis, ĉar ŝi vidis per favoraj okuloj Andrean; sed ŝi devis rifuzi lian inviton.

Tiam Andrea malsereniĝis, kaj klinante sin antaŭen, li flustris en ŝian orelon, kiu ĉe tio iĝis sangeruĝa:

— Mia vi estos, eĉ se mi atendos dum dek jaroj. Ok horojn mi marŝis de trans la monto por vidi vin, pro tio mi alvenis tro malfrue; sed la venontan fojon mi venos ĝustatempe, eĉ se mi irus meze tra la monto!

La festo estis finita kaj ankaŭ la danco. Ĉiuj pafistoj sidis ekstere de la Ora Ĉevalo, kaj Andrea kunestis; sed la poŝtestra Rudi sidis en la honora loko, ĉar li estis la majstropafisto, laŭ la reguloj, kompreneble, sed Andrea estis tio laŭ la realeco.

Rudi volis malpaceti.

— Nu, vi Andrea — li diris — vi estas grandega ĉasisto; sed vi scias; pafi la ĉamon estas nenio kompare kun tio: ĝin ekhavi.

— Se mi ĝin pafis, mi ĝin ankaŭ havas — respondis Andrea.

— Nu, ne kredu! La ringon de Barbarossa ĉiuj pafis, sed neniu ĝin ekhavis! — rediris Rudi.

— Kio estas la ringo de Barbarossa? — demandis fremdulo, kiu ĝis tiam ne estis en Goschenen.

— Ja — respondis Rudi. — Jen vi povas ĝin vidi!

Kaj li montris per fingro supren al la muro de monto, kie granda kupra ringo pendas de hoko. Kaj li daŭrigis:

— Imperiestro Frederiko Barbarossa, sciu, kutimis iri ĉi tiun vojon al Italujo; li iris sesfoje kaj kronigis sin, kaj en Milano kaj en Romo. Kaj ĉar li fariĝis per tio Germana-Roma imperiestro, li igis fiksi tiun ringon ĉe la monto sur la germana flanko por esti signo ke li geedzigis Germanujon kun Italujo.

Kaj kiam tiu ringo, diras la legendo, povas esti levita el la hoko, tiam malligiĝis tiu geedzeco, kiu ne estis feliĉa.

— Do mi ĝin malligos — diris Andrea — kiel miaj patroj malligis mian malfeliĉan landon Tiĉino de sub la tiranoj en Schwütz, Uri kaj Unterwalden.

— Ĉu vi ne estas sviso? — demandis severe la prefekto.

— Ne, mi estas italo de la Svisa Konfederacio.

Je tio li ŝargis sian pafilon kaj enmetis feran kuglon. Ekcelis kaj pafis!

La ringo leviĝis desube; kaj forigita el la hoko ĝi falis malsupren, la ringo de Barbarossa la Hohenstaŭfenano.

Vivu la libera Italujo! — ekkriis Andrea, kaj svingis sian ĉapelon.

Sed neniu respondis.

Andrea levprenis la ringon, transdonis ĝin al la prefekto kaj diris:

— Kaŝu la ringon, kiel memoraĵon de mi, kaj de ĉi tiu tago, kiam vi faris al mi maljustaĵon.

Post tio li iris al Gertrud kaj kisis ŝian manon. Kaj tiam li suriris la monton kaj mal-

aperis; aperis ankoraŭ kaj malaperis en nubon. Sed post tempeto li ekaperis ree, pli alte. Ĝi ne estis li, ĉar ĝi estis lia ombrego sur la nubo; kaj li staris kun pugno levita, minacante, super la germana vilaĝo.

— Estis la satano mem! — diris la kolonelo.

— Ne, estis italo! — rediris la poŝtestro.

— Ĉar nun estas jam malfrua vespero, — diris la prefekto — mi rakontos ŝtatan sekreton, kiu estos en la gazetoj morgaŭ!

— Aŭdu! Aŭdu!

— Jes, oni telegrafas, ke post kiam la imperiestro de la francoj estis kaptita apud Sedan, la italoj forpelis la francan militistaron el Romo; kaj Vittorio Emanuele almarŝas en tiu ĉi momento kontraŭ la ĉefurbon.

— Tio estas granda novaĵo. Do estas finitaj la alromaj promenadoj de la germanoj! Tion sendube sciis Andrea, ĉar li estis tiel arogante fiera!

— Li ŝajne sciis eĉ pli ankoraŭ! — diris la prefekto.

— Kion do? Kion do?

— Ni ekvidos! Ni ekvidos!

Kaj ili ekvidis.

*

Je unu tago ili ekvidis fremdajn sinjorojn, kiuj venis kun siaj instrumentoj kaj lorne rigardis la monton; kaj ŝajnis, ke ili rigardas pro la ringo de Barbarossa, ĉar precize tien ili direktis la lornon. Kaj ili ekrigardetis la kompason, kvazaŭ ili ne scius, kie estas la nordo kaj la sudo.

Kaj post tio estis granda tagmanĝo ĉe la Ora Ĉevalo, kie kunestis la prefekto. Tie oni parolis ĉe la deserto pri milionoj kaj milionoj.

Post kelka tempo ili ekvidis, kiel la Ora Ĉevalo estas malkonstruata; kiel la preĝejo estas forportata, je peco post peco, kaj estas rekonstruata en ioma distanco de tie; ili ekvidis, kiel duono de la vilaĝo estas detruata; kiel kazernoj estas konstruataj; kiel la rivereto ŝanĝis sian kurejon kaj la muelradojn oni eksigis, la fabrikejon oni fermis, la brutojn oni vendis.

Kaj post tio alvenis tri mil nigraj laboristoj, kiuj parolis itale.

Tiam eksilentis la belaj kantoj pri la grandaĝa Svislando kaj pri la puraj ĝojoj de printempo.

Anstataŭe oni aŭdis tage kaj nokte la saman frapadon; kaj tie, kie estis sidinta la ringo de Barbarossa, oni enpuŝis montan borilon; kaj jen komenciĝis la pafado; ĉar tie la tunelo eniros tra la monto.

Estis nun, oni sciis, nenia malfacilaĵo fari truon en la roko; sed oni krevigos du truojn, unu de ĉiu flanko; kaj ambaŭ truoj estos sin trafantaj renkonte, precize kiel najlo, kaj tion neniu kredis, ĉar la distanco eksplodkrevigota estis dekkvin kilometroj. Unu kaj duona mejlo!

— Imagu al vi, se ili ne sin trafos! Tiam ili devas rekomenci denove!

Sed la ĉefinĝeniero estis dirinta: „Ili sin trafos."

Kaj Andrea transe sur la itala flanko kredis la ĉefinĝenieron; ĉar li estis mem trafema viro, kiel ni scias. Tial li aliĝis al la laborista trupo kaj fariĝis ĉeflaboristo.

Tio estis laboro, kiu konvenis al Andrea. La lumon de la suno, la verdajn herbotapiŝojn kaj la blankajn Alpojn li ne povis plu vidi; sed ŝajnis al li, ke li krevigas sian vojon al Gertrud, tiun vojon tra la monto, kiun li en fanfarona momento promesis veni.

Ok jarojn li staradis interne en la mallumo kaj suferis kvazaŭ hunde. Nude li staris plej ofte, ĉar tie estis varme je tridek *Celsius*-gradoj.

Iafoje ili ektrafis la fonton de rivero; kaj tiam li vivadis en akvo; iafoje ili ekrenkontis tavolon de argilo, kaj tiam li vivadis en koto. Preskaŭ ĉiam la aero estis malpura,



LORD WEEKS, EDVIN: EDZIĜFESTO

kaj la kamaradoj subfalis; sed alvenis novaj. Fine subfalis ankaŭ Andrea, kaj estis kuŝigita en la malsanulejon. Tie li ekhavis la imagon, ke la du tuneloj neniam sin renkontos! Kaj tio plej multe lin turmentis. Neniam sin renkontos!

Tie kuŝis ankaŭ Urianoj en la ĉambrego kaj deliradis; ilia konstanta demando en senfebraj horoj estis la jena:

— Ĉu vi kredas, ke ni nin renkontos?

Jes, neniam Tiĉinanoj kaj Urianoj tiel sopiris sin renkonti, kiel ĉi tie, interne en la monto. Ili sciis, ke, se ili sin renkontis tie, miljara malamikeco ĉesos kaj ili repaciĝintaj sin ĵetos al la brusto unuj de la aliaj.

Andrea resaniĝis kaj revenis denove en funkcion. Li partoprenis la strikon en 1875, iel ĵetis ŝtonojn, estis kaptita sub gardo, sed ree liberiĝis.

En 1877 brulis Airolo, lia naska vilaĝo.

— Nun mi bruligis miajn ŝipojn malantaŭ mi; kaj nun mi nepre devas antaŭenmarŝi — li diris.

En 1879. la 19-a de julio ekestis tago de malĝojo. La ĉefinĝeniero de la tuta tunelo estis enirinta en la monton por mezuri kaj kalkuli; kaj starante tie, subite li estis trafita de apopleksia atako kaj mortis! Meze sur la relvojo! Tie li devus havi sian tombon, kiel ia Faraono, en la plej granda ŝtona piramido kiu ekzistas; kaj lia nomo, Favre, devus esti gravurita tie.

Dume: la jaroj pasadis. Andrea kolektis monon, sperton kaj forton. Goschenen li vizitis neniam; sed unu fojon ĉiujare li iris en la Sanktan Arbaron kaj rigardis la dezertigon; kiel li ĝin nomis.

Li neniam vidis Gertrudon, ne skribis al ŝi; tion li ne bezonis, ĉar li vivis kun ŝi en siaj pensoj, kaj li sentis, ke li ricevis ŝian volon.

En la sepa jaro la prefekto mortis, en malriĉeco.

— Kia bonŝanco ke li estis malriĉa! — pensis Andrea; kaj tiel ne pensas ĉiuj bofiloj.

En la oka jaro okazis io rimarkinda. Andrea staris kiel ĉefviro malproksime interne en la itala tunelo kaj frapadis sian borilon. La aero estis malmulta kaj sufoka, tiel ke li havis orelzumetadon. Tiam li ekaŭdis kraketadon, kiu similis al tiu de la lignovermo, nomata morthorloĝo.

— Ĉu mia lasta horo venis? — li pensis laŭte.

— Via lasta horo! — respondis io interne de li, aŭ ekstere de li. Kaj li ektimegis.

Je la sekvinta tago li ree aŭdis la kraketadojn, sed pli klare, tiel ke li kredis ke estas la horloĝeto kiun li portas en sia poŝo.

Sed je la posta tago, kiu estis tago feria, li nenion aŭdis; kaj nun li pensis, ke nur eraras lia orelo; tiam li ektimis kaj iris en la meson; kaj en humilaj pensoj li bedaŭris la nekonstantecon de la vivo. La espero perfidis al li, la espero povi ĝisvivi la grandan tagon, la espero gajni la premion antaŭfiksitan pro la unua boro kiu trapenetros la muron, la espero gajni Gertrudon.

En la lundo li staris tamen denove la plej antaŭa kun sia borilo, sed senkuraĝa; ĉar li jam ne kredis, ke ili renkontos la germanojn en la monto.

Li frapis kaj frapis, sed sen energio, same kiel lia malrapidigita koro batadis pro la tunelmalsano. Tiam subite li ekaŭdis kvazaŭ pafon kaj grandegan krakadon, sed interne en la monto, je la transa flanko.

Kaj nun subite eklumiĝis en lia cerbo ke ili sin renkontis.

Unue li ekgenuis kaj dankis Dion; poste li restariĝis kaj komencis frapi. Li frapadis preter matenmanĝo, preter tagmanĝo; preter ripozopaŭzoj kaj vespermanĝo. Li frapadis per la maldekstra brako, kiam rigidiĝis la dekstra. Dum tio li pensis pri la ĉefinĝeniero, kiu mortfalis tie antaŭ la muro; kaj li kantis la kanton de la tri viroj en la brulanta fornego, ĉar la aero kvazaŭ brulis ĉirkaŭ li, dum la akvo gutadis sur lian verton kaj la piedoj staris en argilo.

Precize je la sepa horo, la 28-an de februaro 1880. li ekfalis kapantaŭen kontraŭ la borilo kiu pasis subite tra la muro de monto.

Eĥanta hurao el la alia flanko lin vekis, kaj li ekkomprenis, komprenis ke ili sin trafis, ke la lasta horo de lia penado jam venis, kaj ke li estas posedanto de dek mil liroj.

Tiam, post mallonga ĝemeto al la Plejkompatema li metis la buŝon al la bortruo, flustris, ke neniu ĝin aŭdis: Gertrud; kaj post tio li laŭtigis naŭoblan hurakrion al la germanoj.

Je la dekunua horo nokte oni aŭdis de la itala flanko krion eksonegantan: atentu! kaj ĉe krakegado kvazaŭ de sieĝaj pafilegoj la intermuro renversiĝis. Germanoj kaj italoj ekfalis en la brakojn unuj de aliaj plorante, la italoj sin kisis, kaj ĉiuj surgenuiĝis kantante *Te Deum laudamus.*

Estis granda momento; kaj tio estis en 1880, je la sama jaro kiam Stanley estis preta pri Afriko, kaj Nordenskiöld*) pri la nordorienta trapaso ĉirkaŭ Azio.

Kiam la laŭdkanto al la Eternulo silentiĝis, laboristo antaŭenpaŝis de la germana flanko kaj transdonis al la italoj artskribitan pergamenon. Ĝi estis honora kaj memora skribaĵo al la ĉefinĝeniero, Louis Favre.

*) Elparolu: Nurdenŝoeld.

Li devus trapasi la unua la tunelon, kaj Andrea estis portonta lian panegiraĵon kaj lian nomon per la malgranda laborvagonetaro al Airolo.

Tion Andrea fidele faris sidante sur ŝovĉaro antaŭ la lokomotivo.

Estis granda tago! Kaj la nokto ne estis malpli granda.

Oni trinkis vinon en Airolo, italan vinon; kaj oni bruligis artfajraĵojn. Tie oni parolis oratoraĵojn, por Louis Favre, Stanley kaj Nordenskiöld; tie oni parolis oratoraĵojn por Sankta-Gothardo, mistera montotrunko, kiu dum jarmiloj estis intermuro baranta inter Germanujo kaj Italujo, inter nordo kaj sudo. Jes, certe disiganto, sed ankaŭ kuniganto. Ĉar Sankta-Gothardo staradis tie kaj same honeste dividis sian akvon al la germana Rejno kiel al la franca Rodano, al la Nordmaro same kiel al la Mezmaro . . .

— Kaj al la Adriatiko — intermetis Tiĉinano. — Bonvolu ne forgesi Tiĉinon kiu akvas la plej grandan riveron de Italujo, la grandegan Po.

Bone! Bonege; Vivu Sankta-Gothardo, la granda Germanujo, la libera Italujo kaj la nova Francujo!

Estis granda nokto! post granda tago.

*

Je la morgaŭa mateno Andrea aperis en la inĝeniera oficejo. Li estis vestita je sia itala ĉasista kostumo, je plumo sur la ĉapelo, pafilo sur la ŝultro kaj tornistro sur la dorso; kun blanka vizago kaj blankaj manoj.

— Do vi estas nun sata pri la tunelo, ĉu ne? — diris la kasista inĝeniero, aŭ la tiel nomata monisto. — Nu, tion neniu povas riproĉi kontraŭ vi, kaj cetere, restas nur masonlaboro. Sekve la finaranĝon de la kalkulo!

La monisto serĉis en libro, skribis paperetonkaj alkalkulis dek mil lirojn en oro.

Andreasubsignis sian kvazaŭnomskribon metis la oron en la tornistron kaj deiris.

Li ĵetis sin en laborvagonaron; kaj en dek minutoj li estis atinginta la renversitan intermuron.

Fajroj bruladis interne en la monto sur ambaŭ flankoj de la reloj, la laboristoj hurais al Andrea kaj svingis per la ĉapoj. Estis belege!

En dek minutoj ankoraŭ li atingis la germanan flankon. Sed kiam li ekvidis la taglumon en la malfermo, la vagonaro haltis, kaj li elpaŝis.

Tiam li piediris kontraŭ la verda lumo, kaj vidis la vilaĝon denove suna kaj verdanta; kaj la vilaĝo kuŝis tie novkonstruita, blanka, brila, pli bela ol antaŭe. Kaj kiam li pasis, la laboristoj salutis sian ĉefviron.

Rekte al unu malgranda domo li direktis siajn paŝojn; kaj sub juglandarbo apud la abelujoj staris Gertrud, trankvila, pli bela, pli milda, tute kvazaŭ ŝi starus tie kaj atendadus lin, dum ok jaroj.

— Jen mi venas — li diris; — tiel kiel mi volis veni, meze tra la monto! Ĉu vi akompanos min en mian landon?

— Mi akompanos vin, kien ajn vi volas.

— La ringon vi jam havas; ĉu ĝi restas?

— Ĝi restas!

— Do ni iru tuj! Ne, ne returni; nenion vi prenu kun vi!

Kaj ili iris je mano en mano! Sed ili ne iris al la tunelo.

— Supren sur la monton! — diris Andrea, kaj direktis sin sur la antikvan montpasejan vojon. — Tra la mallumo kondukis la vojo por veni al vi; nun mi volas vivi en la lumo kun vi, por vi!

El la sveda: PAUL NYLÉN
de la Esp. Akademio.



CELESTIN MEDVIĆ: PEJZAGO DE DALMACIO



ROBERT ANNING BELL: ADAGIO

# ESTONA POPOLA MUZIKO KAJ LA VIII-A TUTPOPOLA KANTFESTO



Malgraŭ la diversaj bataladoj por sia ekzistado, pezaj cirkonstancoj de la vivo, malgraŭ la multaj psikaj doloroj, la homo levas sian rigardon supren al ĉielo, pensas pri la esenco de la homa vivo kaj pleniĝas per ne eldirebla sankta inspira sento antaŭ la potenca Nekonato, kiun li ne povas ekkoni per siaj sensoj kaj kompreni per siaj pensoj.

Li meditas pri la malfeliĉo de la homa vivo kaj serĉas vojon por liberiĝi de la ĉiutagaj ŝarĝoj kaj celas al kreado de la beleco.

Li esprimas siajn sentojn plenajn de doloro kaj pentego kaj kantas sian praprofundan kanton pri Beleco, pri Virto, pri Pieco . . .

Estiĝas la Muziko! — esprimkanto de suferoj kaj laŭdkanto de beleco.

Kantis la antikvaj ĥinoj, hindoj, babilonanoj, egiptanoj kaj grekoj, oni kantis dum la mezepoko, kantas ankaŭ nun kaj kantos, ĝis ekzistos la homa vivo kaj kulturo.

Sed ĉiu kantas laŭ propra maniero dependanta de la animo kaj interna vivo de la nacio.

La prapatroj de la estonoj ankaŭ tre ŝatis la muzikon kaj ili kredis, ke la muziko estas donita al la homoj de kantodio Vanemuine mem, kiu por tio venis sur la teron.

Pri tio jen la popola rakonto:

Homoj kaj bestoj havis iam la saman lingvon, eĉ nuntempe ekzistas la „saĝaj homoj", kiuj komprenas la lingvon de la bestoj kaj aŭskultas iliajn interparolojn. Sed tiu lingvo ekzistis nur por la ĉiutaga uzado kaj por la bezonoj de la vivo. Foje oni kunvokis ĉiujn bestojn al ĝenerala kunveno por ke ili ellernu la festlingvon, tio estas la kantadon, por ĝojigi sin mem kaj laŭdadi la diojn.

Ĉiuj, kiuj havis vivon kaj animon, kunvenis sur la Taara Monto*) kie kreskis la sankta kverkaro. En la aero aŭdiĝis la kordegeliga mistera bruo kaj Vanemuine, la dio de l' kantado, venis sur la teron. Li glatigis siajn buklajn harojn kaj barbon, ordis siajn vestojn, purigis per tuseto sian voĉon kaj tiam komencis la ludon. Unue li faris antaŭludon kaj poste li kantis laŭdkanton, kiu penetris en animojn de ĉiuj aŭskultantoj kaj emociis ilin, sed plej multe kortuŝiĝis li mem.

Silento regis en la kunveno kaj ĉiuj aŭskultis atente la kantadon. *Emajogi* haltigis sian fluon, vento forgesis sian rapidadon, arbaro, bestoj kaj birdoj aŭskultis atente kaj eĉ *Kurbokululo,* la arbarkoboldo rigardis tra la arboj.

Sed ne ĉiuj komprenis ĉion, kion ili aŭdis.

La arboj de la kverkaro rememoris la zumon de la malsupreniro de l' dio kaj kiam vi promenas en kverkaro kaj aŭdas tiun sanktan bruon, sciu ke dieco estas ĉe vi. *Emajogi* rememoris la vestsusuron de la dio kaj ĉiam, kiam ĝi ĝojas printempe pri sia juneco, ĝi imitas la brueton tiam aŭditan. La vento atentis la plej muĝajn sonojn. Kelkaj bestoj ŝatis la kantvoĉon, sed aliaj preferis la kordsonojn. La kantbirdoj ne forgesis la antaŭludon, precipe la najtingalo kaj la alaŭdo. La plej mizera afero okazis al la fiŝoj: ili elakvigis siajn kapojn ĝis la okuloj, sed forgesis la orelojn eligi el la akvo; ili vidis nur la movon de la buŝo kaj imitis tiun, sed ili restis mutaj.

Nur la homo komprenis ĉion, tial penetras lia kantado en la profundojn de la animo kaj supreniras al la loĝejoj de l' dioj.

La maljunulo kantis pri la grandiozeco de l' ĉielo kaj beleco de l' tero, pri la bordornamaĵoj de l'*Emajogi* kaj pri iliaj antikvaj ĉarmoj, pri la feliĉo kaj malfeliĉo de l' homaro kaj la kanto kortuŝis lin tiel, ke el liaj

*) Taara estis ĉefa dio de la antikvaj estonoj. Taara Monto estas monteto apud la Emajogi, t. e. Patrina rivero, en Estonujo. Praestonoj havis tie sanktan kverkaron kun oferadejo.

okuloj fluis tiom de larmoj, ke ili penetris tra la ses surtutoj kaj sep ĉemizoj.

Kaj tiam li flugis en la loĝejon de la Maljuna Patro, por ludi kaj kanti al li.

Al la oreloj de l' sanktuloj estas kelkfoje donata la feliĉo: aŭdi de malproksime kaj alte la sonojn de lia laŭdkanto.

Por ke la homoj ne forgesu tute lian kantadon, li sendas, de tempo al tempo, eĉ nun siajn servistojn malsupren sur la teron.

Ankaŭ li mem revenos, kiam la feliĉo regos denove sur la tero.

*

La esprimaspekto de la estona popolkanto estas ĉiam dolora kaj plena de plendoj pri peza sklaveco, ĉar la estonoj estis en la XIII-a jarcento venkitaj kaj sklavigitaj kaj restis en tia stato dum ses jarcentoj.

Peza sklaveco, kruelo de l'subigiteco, senpardonemo de l' alinaciuloj, ĉio ĉi penetriĝis en la esprimojn de la popola animo, en eposo, en poezio, en kantoj.

La plimulto de la nacioj kantadas en siaj kantoj pri amo, pri virina beleco, pri vira forto, sed la estona popola kanto rakontas plejparte pri sklaveco, pri pezo de l' sorto kaj estas plena de ploro kaj larmoj. La melodioj de la kantoj sonas preskaŭ ĉiam laŭ mola gamo kaj tre ofte la muzikaj periodoj finiĝas sur la sepa ŝtupo de la gamo, kiu estas stranga originalaĵo de la estona popolkanta melodio.

Ekzistas ankaŭ amkantoj, festkantoj kaj militkantoj, sed ili tute ne atingis tian nekaŝitan, ĉarman, internan belecon, kiel la popolkantoj de aliaj nacioj.

En la komenco de la XIX-a jarcento, kiam tra la tuta Eŭropo trafluis nova liberema sento, ankaŭ la estonoj estis liberigitaj kaj estis limitaj la privilegioj de la regantaj fremduloj.

Kun grandega entuziasmo komenciĝis la fruktodona laboro en ĉiuj vivbranĉoj; ekfunciis diversspecaj ekonomiaj kaj kulturaj societoj, stariĝis naciaj verkistoj, poetoj kaj politikistoj, el kiuj estas plej fama la nacia edukisto G. J. Jakobson.

Tiu tempo estis renaskiĝtempo de la estona popolo.

Por plue entuziasmigi tiun movadon kaj por doni al la popolo gvidilon de spirita memstareco, oni aranĝis tutpopolajn kantfestojn.

La I-a kantfesto estis kunvokita en la jaro 1869 por festi la 50 jaran jubileon de la liberiĝo el sklaveco. Kunvokinto kaj spirita edukinto estis la fama estona verkisto J. V. Jannsen. La kantfeston partroprenis 42 kanthoroj kun 800 kantistoj kaj 3 orkestroj.

La II-a kantfesto estis en la jaro 1879; 46 kanthoroj kun 1056 kantistoj kaj 18 orkestroj kun 202 muzikistoj.

La III-a kantfesto en 1880; 38 kanthoroj kun 684 kantistoj kaj 8 orkestroj kun 98 muzikistoj.

La IV-a kantfesto estis en la jaro 1891; partoprenis 2600 gekantistoj kaj 600 muzikistoj.

La V-a kantfesto estis en la jaro 1894 por rememori la 75 jaran liberigon de la nacio; partoprenis 6000 gekantistoj kaj muzikistoj.

La VI-a kantfesto estis en la jaro 1896; partoprenis ankaŭ 6000 gekantistoj kaj muzikistoj.

La VII-a kantfesto estis en la jaro 1910; partoprenis pli ol 7009 gekantistoj kaj muzikistoj.

La programoj de la kantfestoj enhavis la verkojn de estonaj, finnaj, germanaj kaj alinaciaj komponistoj; ordinare dum la unua tago estis religiaj koncertoj, dum la dua mondumaj koncertoj kaj dum la tria konkuris unuopaj kanthoroj.

Tiel raportas al ni la sekaj historiaj faktoj pri la estintaj kantfestoj. Sed kian entuziasmon ili elvokis en la popola animo, kian fonton ili donis al la nacio por venki la ŝarĝojn de l' vivo kaj kian memfidon ili ekbruligis en la animoj de la sklavgeidoj, ke ili ankaŭ sentu sin homoj, kiuj rajtas vivi kaj labori por la komuna kreo de l' kulturo, pri tio povas efektive paroli nur la partoprenantoj, kiuj eĉ ploris, ploris pro la feliĉo.

Dum la estintaj kantfestoj servis por direkti la popolan internan vivon al la nacia-politika memstareco, devas la ĉi jara VIII-a estona tutpopola kantfesto, kiu okazos de la 30-a de Junio ĝis la 2-a de Julio en la Estonia ĉefurbo Tallinn, servi ĉefe al la celoj de la Arto.

La VIII-an kantfeston partoprenos 462 kanthoroj kun proksimume 15000 gekantistoj kaj 97 blovorkestroj kun 1714 muzikistoj.

La kantfesto komenciĝos kun la oratorio de Händel „Messias", prezentota en la popola muzikejo „Estonia". Dum la unua tago estos prezentotaj 4 religiaj kantoj de miksita ĥoro, 3 kantoj de komunvirĥoro kaj 4 mondumaj kantoj de komunĥoro; dum la dua tago estos prezentotaj ankaŭ 8 kantoj de komunĥoro kaj 3 kantoj de komunvirĥoro; dum la tria tago kantos apartaj ĥoroj kaj muzikos blovorkestroj komune kaj aparte. Vespere dum la festtagoj estos diversaj aliaj koncertoj de simfoniaj orkestroj kaj solistoj.

Por atingi la kiel eble plej altan nivelon de la ĥoroj, estas dumtempe difinitaj apartaj ĥorgvidistoj, kiuj ĉirkaŭveturas la landon kaj kontrolas la laboron de la lokaj kanthoroj.

En estonteco, laŭ la ekzemplo de la antikvaj grekaj olimpiaj festoj, estos kvarjare aranĝota Arta Semajno. por ke estu prezentota ne nur kanto kaj muziko, sed ankaŭ aliaj artoj, pentrado, skulptado, literaturo, poezio k. t. p.

Tiu okazaĵo havas grandan signifon ne nur de unu-nacia vidpunkto. sed ankaŭ de internacia, ĉar ĝi montras, ke la nacioj jam celas el la nuna postmondmilita barbareco al la ĝusta kulturvivo de la homaro. En la Pantheono de la homaro, al altaro de la Eterna Beleco estu alportataj la oferaĵoj de ĉiuj nacioj de la mondo. Leviĝu supren, supren la oferfumo, plenigu la animojn de ĉiuj mondanoj kun la sankta sento de la beleco, unuigu, kune kun la Esperantismo, la homaron en unu grandan rondon familian, liberigu la unuopajn grandajn naciojn de la militarismo kaj nacia egoismo; de kaŭzoj de teruraj kaj sangegaj militoj, por ke la homaro liberiĝu de barbarismo kaj atingu la altegan celon, la Eternan Pacon, la Oran Epokon.

AUGUSTIN PUNG



# AL LA ĜOJO

FREDERIKO SCHILLER



Ĝojo, bela fajro dia,
Elizea di-filin'!
Iras ni al templo via
Fajrebrie kulti vin.
Ĉesu de vi sorĉligate
De l' severa mod' la ŝir'.
Ĉiuj homoj sentas frate,
Se vi frapas per flugil'.

ĤORO:
Jen brakum' al mil' kaj miloj,
Jen la kis' al tuta mond'!
Fratoj! Super stela rond'
Loĝas patro por ni, filoj.

*

Se la granda jet' bontrafis
Kaj amikon gajnis vi,
Se knabina am' vin ravis,
Vin enmiksu kun ĝojkri'!
Jes, se eĉ nur unu koro
Estas via en la mond' . . .
Kaj se ne, do vin kun ploro
Tiru for el nia rond'.

ĤORO:
Kiun firmamento tegas,
Donu sin al simpati'!
Super stelojn gvidas ĝi,
Kie Nekonata regas.

*

Ĉio sur la brust' Natura
Ĉio sorbas el la ĝoj'.
Koro kulpa, koro pura
Sekvas Ŝin sur roza voj'.
Jen Ŝi kisojn, fruktojn donas
Jen amikon ekster dub' . . .
En volupt' la vermo dronas,
Staras antaŭ Di' kerub'.

ĤORO:
Ĉu vi falas, mil kaj miloj?
Vi Kreinton sentas, mond'!?
Serĉu super stela rond',
Loĝas Li trans astrobriloj!

*



En eterno de l' Naturo
Ĝojo estas la risort'.
Ĝoj'! En mondhorloĝ' por kuro
Radojn pelas Ŝia fort'.
Ŝi el ĝermoj logas berojn,
Brilas sun' laŭ Ŝia log'.
Ŝi en spacoj rulas sferojn
Trans la vid' de l' astrolog'.

ĤORO:
Kiel sur la pompaj vojoj
Sunoj sur la firmament',
Gaje marŝu, frata gent'!
Kiel al la venk' herooj.

*

Al la esplorist' Ŝi ridas
El la fajrspegul' de l' Ver'.
Sur krutaj' de l' virto gvidas
Ŝi la homon de l' toler'.
Sur la sunomont' de l' Kredo
Flirtas Ŝia flag' en glor',
Ni tra fend' de l' ĉerkobreto
Vidas Ŝin en anĝelĥor'.

ĤORO:
Ho toleron, paciencon,
Fratoj, por pli bona mond'!
Donos super stela rond'
Granda Dio rekompencon.

*

Vol': pripagi Diojn — vanto,
Sed: simili — bela pen'.
Venu ĝoji kun ĝojanto
La mizero, la ĉagren'!
Venĝ', kolero — en forgeson!
Kaj pardon' al malamik'!
Liaj larmoj havu ĉeson,
Lin ne boru pento-pik'.

ĤORO:
En ŝuldlibro plu nenio!
Ravu mondon harmoni'!
Fratoj! Kiel juĝis vi,
Tiel juĝos pri vi Dio!

*

Ĝojo ŝaŭmas en pokaloj,
En ruĝ-sango de l' vinber'.
Mildon trinkas kanibaloj,
Heroecon malesper'.
Se rond-iras plenbotelo,
Fratoj, saltu el la sid'!
Ŝprucu ŝaŭmo al ĉielo!
Jen ĉi glas' por Bon-Spirit'.

ĤORO:
Himnas Lin abismo stela,
Serafĥor' kun glora cit'.
Jen ĉi glas' por Bon-Spirit'
Supre, trans la tend' ĉiela.

*

En suferoj: firma forto,
Al senkulpaj: ŝirma brust'!
Eternec' al ĵura vorto,
Eĉ al malamiko: just'!
Virfiero kontraŭ tronoj,
Kvankam kostu sangon spit',
Al merito estu kronoj,
Kaj pereo al insid'!

ĤORO:
Ĉenu vin en sankta rondo,
Ĵuru do kun glaso-lev'
Pri fidelo al la dev'
Je l' reganto de l' stelmondo!

*Premiita dum la IX. Internacia Floraj Ludoj en Manresa*

El la germana: K. de KALOCSAY

# EMIGRANTOJ

NIKOLAO HOHLOV



irkaŭite de bruema akompanantaro konsistanta el kelkaj studentoj, la profesoro vigle marŝis laŭlonge de mallarĝa, apenaŭ videbla vojeto, kondukanta ien, en la densaĵon de la aŭtuna bosko.

Profesoro kaj studentoj, ĉiuj estis rusoj, elmigrintoj pro la civila milito kaj tie ĉi, en la fratema sudslava lando, kiu donis al ili rifuĝon kaj eblecon daŭrigi sian edukadon, post multaj jaroj de senripoza migrado, bataloj kaj moralaj turmentoj ĉiuj sentis sin en paca loko, kun koroj malkvietaj, premigitaj sole de nostalgio.

Ili faris sian dimanĉan promenadon, for el la urbo, kie ilin ĉirkaŭis karesaj bildoj de abundaj vinberejoj plantitaj tie kaj tie ĉi sur lokoj neokupitaj de arboj, aŭ purigitaj de ili. La promenantojn ligis komuna sento de komunaj doloroj; la ĉiama animstreĉo en serĉado de eliro el tiu premanta stato de forpeliteco. Malriĉe vestitaj, multaj en malnovaj militaj manteloj — ili aspektus kompatindaj, se ne brilus tiel akre la fajro de defendanta, ambicia fiero el sub la malgaje kunpremitaj brovoj. Estis stranga kaj tamen ĉarma tiu ĉi fajro en la okuloj de kelkaj junaj, palaj kaj delikataj vizaĝoj. Kiam la bosko finiĝis kaj antaŭ la okuloj de la promenantoj aperis belega bildo de malproksimaj montoj kaj pejzaĝo de pli proksimaj montetoj, kovritaj de flavaj, rikoltitaj grenkampoj kaj vinberejoj, — la profesoro haltis, demetis sian ĉapelon kaj proponis al ĉiuj ripozi kelkajn minutojn.

Kiel ĉiam inter rusaj elmigrintoj, kiam ili kunvenas en amika rondo, inter la studentoj aperis paroloj pri la forlasita, kun sopiro amata patrujo. Aperis novaj sciigoj, famoj, novaĵoj. Sed la revena vojo al tiu lando, kiel antaŭe, ŝajnis esti barita, netrairebla kaj tiu penso premis la animojn de ĉiuj. La profesoro silentis. Liaj okuloj, tiuj de konata scienculo-kemiisto, restis kvietaj kaj senfajraj. En ili lumis per infana pureco, simile al la okuloj de Tolstoj, profunda delikateco de animo, inspiranta amo. La studentoj amis kaj bone konis tiujn okulojn. Ili ŝatis sian fieron — la profesoron, sian patrujan fieron, transportitan al alia lando kune kun ili.

La profesoro kun varma amikeco sekvis la vortojn de la interparolantaj studentoj. Kelkfoje la anguloj de lia buŝo moviĝis per apenaŭ videbla tremeto, sed malfacile estis diveni, kion esprimis la tremeto, ĉu kaŝitan ridon, aŭ estingitan emocion.

Kaj kiam super la tuta bruo de interparoloj tratondris la maldelikata baso de alta, kun akraj angulaj konturoj de figuro, studento B.: „... Sen batalo kaj forto ne povas esti kreita nova Rusujo!...“ — la lipanguloj de la profesoro ektremis pli energie, tra liaj okuloj striis ia apenaŭ rimarkebla ombro kaj li mole demandis la basulon:

— Sen batalo de kies flanko, kara B.?

— De nia flanko, de flanko de la tuta rusa elmigrintaro, de flanko de tiuj, kiuj restis tie en Rusujo kaj nur atendas la oportunan okazon por kune kun ni forĵeti la malamatajn, malicajn uzurpistojn!

— Vi faras tre simplan diagnozon rilate al la efektivaj intencoj de ĉiuj rusaj patriotoj kaj vi ĝeneraligas la dezirojn de la rusaj elmigrintoj kaj de iliaj diverspartiaj samideanoj restintaj tie en Rusujo. Tiel simple pensante, kara B., vi neniam trovus la eliron, eĉ por via persona penso, ĉar vi ne scias kiel kaj kiam kaj per kiaj rimedoj oni ribelos kontraŭ la uzurpistoj. La eliro ne estas tiel ordinara kaj la rimedoj por ĝin akceli ne estas tiel primitivaj, kiel vi pensas.

Ĉies vizaĝoj sin turnis al la profesoro. Estis la momento, kiam li unuafoje ektuŝis la dolorigan por ili ĉiuj temon. Oni preskaŭ neniam aŭdis antaŭe, kion precize li pensas pri la emociiga problemo, li — ĉiam kviete leganta siajn lekciojn pri la absoluta, pozitiva scienco, li, aparteninta al neniu politika partio aŭ tendenco.

Tiu muta demando, kiu regis sur la vizaĝoj de ĉiuj, eĉ sur la vizaĝo de la basvoĉa B. signifis ke ĉiuj kvazaŭ atendis la nepran respondon. Sed la profesoro tre malvolonte parolis pri similaj temoj. Tro ofte li estis renkontinta la fajron de ankoraŭ nemalvarmiĝinta venĝemo, la senton de ricevita vangofrapo inter siaj sampatrujanoj-studentoj. Li opiniis ke ne venis ankoraŭ la tempo por diri ĉion malkaŝe. Li atendis la kuracon de tempo, la malvarmiĝon de la pasioj dum la paciga marŝado de la ĉiutaga vivo, sub la kvietiga influo de sciencaj studoj.

Sed daŭra silentado de ĉiuj devigis lin ion respondi. Kviete, kiel ĉiam, li stariĝis kaj farinte kelkajn paŝojn tien kaj reen, ekparolis.

— Karaj amikoj. Oficiale mi estas profesoro de kemio. Neoficiale, en hejmo, mi volonte okupas min pri la biologiaj problemoj. Se vi observos la leĝojn de la vivanta naturo, vi facile trovos en ĝi multajn trajtojn, analogiajn al nia homa vivo, al niaj vivbataloj, same kiel vi ofte trovos la respondon al multaj problemoj sociaj.

Malgraŭ tio ke la nunaj homoj estas grandaj materialistoj, la historia periodo, en kiu ni vivas, estas la plena romantikismo. Pri nia tempo oni povas rakonti nur per fabeloj kaj alegorioj.

Sub ĉies avida rigardo, la profesoro paŝis al granda tremolo staranta super la murmuretanta arbara torento kaj sin klinis al la malseka grundo sub la arbo. Li revenis kun skeleteto de tremola folio kaj montris ĝin al ĉiuj. Nur nudaj fibroj, bela reto de fibroj restis de tiu folio, sed ĝi konservis sian gracian figuron kaj elastecon. La profesoro tenis ĝin en mano.

— Tiu ĉi folio — estas mi. Mi konservas ankoraŭ la formon de homo, mi elaste defendas la lastajn tagojn de mia ekzisto, mia cerbo, pli vere la skeleto de mia arbo instruas la aliajn, kiel povas instrui naturstudanton tiu ĉi folio pri siaj formo kaj konstruo interna. Sed por la lando, kie mi loĝis, kiun mi nun senespere amas, mi, kiel la folio por tiu ĉi tremolo, estas mortinta. Mia destino estas diseriĝi por doni nutron al aliaj, novaj fortoj. Kaj la plimulto el ni, elmigrintoj, estas la samaj folioj. Se ili ne putriĝis ankoraŭ, ili instruas, ili parolas pri rusa estinta vivo, estinta arto, estinta lukso, rajto kaj senrajteco, sed ili ne rimarkas ke ili fariĝis jam fibruloj, ke ili kuŝas jam defalintaj de la arbo kaj komencas diseriĝi, ili ne estas plu bezonataj por la arbo kiel vivaj organismoj, ĉar ili ne taŭgas jam por vivi sur ĝiaj branĉoj.

Nun vidu la foliojn tiel bele purpurigitajn de aŭtuno, tie, supre sur la tremolo. Vidu kiel fiere ili etendas ankoraŭ sian sangan mantelon, kiel ili tremetas, kvazaŭ fluanta torento, sub la kisoj de la subiranta suno. Vere — ilia aspekto estas inspira por poetoj kaj geamantoj. Sed — vi ja ĉiuj scias — ili jam estas ankaŭ duonmortaj posedante la branĉojn de la arbo. Ili faris sian rolon kaj ili defalos baldaŭ, sub la blovo de unua forta vento. Tiu ĉi foliaro estas la homoj, kiuj fiere pensas ke ili tenas en siaj manoj la povon super Rusujo-tremolo. Ili fiere flirtigas la ruĝan standardon sub la radioj de ilia subiranta suno. Sed ili jam estas baldŭ defalontaj, kiel defalis siatempe tiu ĉi fibrulo; unu momenton pli frue, unu momenton malpli — estas egale.



THOROLF HOLMBOE: LUNLEVIĜO

Venos la aŭtuno, purigos la aeron la vintro kaj nova printempo kisos la arbon. Tiam, aperos novaj folioj por nova vivo, por siavice, post la ŝanĝanta natura evolucio aŭ revolucio doni la lokon por la pli novaj, dum staros la arbo. En tio kuŝas la parteto de vero pri diveno rilate al la problemo: kien trenas la sorto Rusujon. Biologiaj leĝoj jam montris al ni ke kreskas la freŝaj, sanaj fortoj de la popolo, kreskas la burĝonoj el kiuj aperos la novaj folioj sur la tremolo: nia Rusujo. Malgraŭ la malsata aŭtuno, la terura anima vintro, repurigita, la arbo — Rusujo ĝisvivos la epokon, kiam ekfloros ĝiaj floroj. Neniu el ni jam dubas pri tio. En tio estas por ni granda konsolo, kelkia dozo da feliĉo persona.

— Sed ĉu ni ankaŭ, profesoro, estas malnovaj folioj, skeletoj? — demandis juna studento.

— Pardonu, mi tuŝos ankoraŭ la temon. Vi estas tro junaj por ke mi nomu vin folioj. Vi estas semoj, ŝarĝitaj per energio de vivo, defalintaĵ de arbo kaj per vento transportitaj al fremdaj landoj. Viaj vivoj, viaj agoj povas esti plantitaj tie ĉi, sur fratgenta lando aŭ laŭvole transportitaj denove al sia naskolando, kiam ĝin benos la baldaŭa printempo. Povus okazi, ke kelkaj semoj difektiĝis, kelkaj estos perditaj — sed la plimulto ekburĝonos sub la suno de venonta frata amo.

— Kaj la vento, profesoro, kiu deŝiras la purpurajn foliojn, por doni lokon al la novaj verdaj — ĉu ĝi ne estas tiu batalo, pri kiu mi aludis — demandis denove la basulo B.

— Se vi volas, ni opiniu tiel, kara B. Sed tie ĉi staras antaŭ ni la probleno de estonta vivo, ne de estontaj aventuroj kaj riskoj. La aŭtuno kaj vintro estas ja neeviteblaj por tremolo. Eĉ se ili estas senventaj — la ruĝaj folioj defalos tamen sub la puŝo de la nove burĝonantaj verdaj. Estas tro malvasta celo: servi al sia lando nur kiel vento forŝiranta la duonvelkintajn foliojn. Pli gloran celon oni havu — konservi la embri-eblecon de fre-

ŝaj, junaj semoj, kaj ke keniu sana semo perdiĝu neeluzite. En tio estu via vivo kaj feliĉo, junuloj.

La vizaĝoj de ĉiuj studentoj fariĝis gravaj. Ĉiuj montris ke ili pensas profundan, senfinan penson. Kiel ĉe la profesoro, tremis ĉe kelkaj la buŝanguloj, ĉe unuj pro rideto, ĉe aliaj pro emocio.

Sed la vizaĝo de la profesoro estis kvieta.

Liaj okuloj brilis per sia ĉiama lumo de pura amo, kiu donas al la rigardo eĉ pli grandan altiron ol la fajro de flamanta pasio.

N. HOHLOV

# FLORTRAGEDIO

TIBERIO MORARIU



loveto ekmovas la blankan florvualon de l' malbordaj oranĝujoj. Je kiso de l'vento — kvazaŭ el dormo vekiĝantaj prujneroj — mil kaj mil florflokoj gaje disflugas, sed post mallonga vojo ili falas en la bluŝaŭman ondotombejon. La Ventfeino flugas plue kaj je la karesa tuŝo de ŝia kombilo, volupta tremo trakuras la orflavan rizon etendiĝantan en la senfinon. Nun Ventofeino kuras en la lignopalacan urbon, kaj kune kun sia Sunfrato ili postkuras duradan veturileton, en kiu sidas dika mandareno. Sunreĝo varmegajn radiojn sendas al la moŝto, kiu kolere deprenas sian ĉapelon, por ke li povu viŝi la ŝvitgutojn de sur sia kapo. Sed la petolema vento forblovas la ĉapelon kaj bonhumore rondirigas ĝin en la polvo de l' vojo. La veturigisto kuras por la ĉapelo kaj redonas ĝin al la vojaĝanto, kiu, kulpigante la ĉariston pro la malagrablaĵo, depaŝas el la ĉaro, reen ĵetante moneron preskaŭ senvaloran. *Sakuzo,* la ĉaristo, malgaje pensas pri sia hejmelasita edzino, kej pri sia rava filineto: Mimozo, kiuj eĉ hodiaŭ vespere ne povos satmanĝi. Sakuzo malrapide paŝas plue. Alia ĉaristo alparolas lin:

— Ĉu vi malgajas? Verŝajne vi ne faris bonan neĝocon. Ho vi malsaĝulo. Vi pene laboras, kvankam vi ne devus. Vi ja havas ĉarman filinon, se vi portos ŝin en la teodomon, vi ricevos pro ŝi tiom, kiom sufiĉas al vi, por ke vi ne plu devu portadi veturilon.

Sakuzo sen respondo iras plue; en lia kapo ĥaose dancas pensoj pri la filineto, mono kaj manĝo. Ĉu li vendu tiun karan burĝonon ĵus ekflorintan? — El opiejo sur la straton flirtiĝanta lumo larmgutojn briligas sur la vizaĝo de Sakuzo. Post kelkaj paŝoj jen li trovas sin apud sia kabano. Kip . . . kop . . . kip-kop . . . aŭdiĝas frapa sono de lignoŝuetoj. La amata malgrandulino, Mimozo, venas al la patro. La serĉantaj manetoj de la filino trovas nur malgrandan pecon de pano en la poŝo de l' patro, kiu konsole parolas al ŝi.

— Bedaŭrinde Sakuzo ne portis alian manĝaĵon al Mimozo, sed nun li portos ŝin kaleŝveturi. Eksidu, Mimozo, en la ĉaron.

Ŝi apenaŭ kuraĝas kredi la vortojn de l' patro. Jam multfoje ekfloris la ĉerizarbo kaj multfoje ĝi faligis siajn florojn, sed vane ŝi petegis la patron, ke li portu ŝin en la urbon. La ĉiama respondo estis, ke Sakuzo ne povas fari tion, ĉar li devas veturigi aliajn homojn, por akiri monon. Kaj hodiaŭ li tamen plenumas ŝian deziron. Ŝi ensidas la ĉaron, — eĉ ili jam iras al la urbo. La tuta afero ŝajnas kvazaŭ sonĝo al Mimozo. La agrable malvarma blovo de l' vespero, la popolamaso jen tien, jen reen ondiĝanta, la balancmova brilo de l' multkoloraj lumfloroj forte batigas ŝian koreton kutimiĝintan nur al la simpla, malgranda, hejma ĉambro. Subite haltas la ĉaro kaj Sakuzo portas Mimozon en fremdan domon. Multaj geviroj estas tie, la aero plenas je bruo, rido kaj kanto. Sakuzo alparolas belvestitan, sed aĉmienan maljunulinon, kiu donas al li multan monon. La patro senvorte foriras kaj la maljunulino kondukas ŝin en ĉambron, ŝlosfermante la pordon. Mimozo ne komprenas la aferon. Jen, tra la malfermita fenestro estas aŭdebla konata sono de la ĉarradoj. Klikkklakk, klikk . . . klakk . . . ĉiam pli malfortiĝas la sono, — Sakuzo forlasis ŝin.

La ĉaristo iras hejmen al sia edzino. Lian poŝon ŝarĝas peza monsumo, sed li sentas, kvazaŭ pli peza ŝarĝo estus en lia interno, ĉe la koro. Kriordono vekas Sakuzon el lia medito.

— He, ĉaristo, portu min al la „Noktomeza Suno". Jen, prenu la monon, sed rapidu, ĉar mia buŝo tre soifas dolĉan kison.

La ĉaristo enpoŝigas la monon, kaj maŝinsimile ekiras en la ordonita direkto. — Li ricevis denove monon. Kial li bezonas ankoraŭ monon? Li ja ricevis sufiĉan de la posedantino de l' „Noktomezo Suno". Li ne plu devus porti vojaĝanton. Sed Sakuzo eĉ ne scias

kien li iras, li nur iras antaŭen senkonscie. La vojaĝanto malĝentile krias al li.

— Haltu malsaĝulo, ĉu vi ne rimarkas, ke mi estas jam ĉe la celo? Duonsvene haltas Sakuzo, lia gasto eniras la voluptejon. La ĉaristo intencas kuri post li por reĝeti la monon al la maljunulino kaj repeti sian filinon. Sed li staras senpova, kvazaŭ ia mistera forto estus fiksinta liajn piedojn al la tero.

Dume Mimozo ploris, ploregis, poste ekdormis kaj ŝia animo gaje kaleŝveturis en sonĝoĉaro . . .

Aŭdiĝas grinco de pordo, voluptema viro paŝas en la ĉambron. Li ekprenas Mimozon kaj komencas deŝiri ŝian veston. Timoflamoj ekbruliĝas en la okuloj de l' vekiĝanta Mimozo. Ŝi provas defendi sin per siaj malfortaj flormanetoj, fine ŝi malesperiĝinte ekmordas la manon ŝin ĉirkaŭprenantan. La viro ektimiĝas, Mimozo fulmorapide saltas al la fenestro, momento, kaj ŝia varma, mola korpo konvulsie sterniĝas sur la malvarmaj ŝtonoj de l' strato. El ŝia malklara okulparo suprenflugas la lasta, arĝenta radio kaj jen, ĝi renkontas alian radion rebrilantan el la senespera rigardo de Sakuzo. Sovaĝan krion aŭdigas la patro kaj per kisopluvo li volas revivigi la agoniantan korpon. — El la teo-domo elvenas la amemulo kaj ordonas al Sakuzo, ke li portu lin en alian amuzejon. Sed Sakuzo nenion aŭdas kaj okulfikse rigardas la sangoplenan kadavron. La voluptema sinjoro kolere pluiras piede . . .

Ekblovas furioza mara vento. Ĝi rompas branĉojn, deŝiras florojn, — vivemaj burĝonoj falas en ondotombejon. La ventego, trakurante la urbon, dancigas la lampionaron de l' stratoj. En la granda lampiono de l' „Noktomeza Suno" ekflamas ruĝa flamo kaj subite ĝi estingiĝas.



## MONDLITERATURA KAJ MONDARTA OBSERVO



LOUIS HÉMON. Antaŭ kelkaj tagoj pasis la oka jaro de post la tragedia morto de la juna franca verkisto Louis Hémon. Inter la pereintaj dum milito francaj artistoj la nomo de Hémon estas la plej populara nuntempe. Lia vivo kaj verkado estas tre karakterizaj por la franca inteligentularo. Lia sorto estas la sorto de multaj francaj junaj verkistoj, antaŭ la morto malmulte konataj, sed hodiaŭ adorataj kaj glornomaj.

La romano „Maria Chapdelaine", por kiu la juna Hémon dum kelkaj jaroj vane serĉis eldoniston kaj kiun nur en la komenco de la mondmilito eldonis Bernard Grasset, Paris, atingis nun preskvanton preskaŭ nekonitan antaŭe en Francujo: unu milionon da ekzempleroj! Jus aperas ĉe la sama eldonejo volumo de liaj rakontoj serĉitaj ĉie kaj trovitaj kun granda peno. Antaŭ la eldono en libro ili estas presataj en multaj plej bonaj francaj ĵurnaloj.

Por kompreni la mirindan sukceson de la nomita romano oni devas koni la aspirojn de la leganta franca publiko. Certe la granda preskvanto de la libro havas nenion komunan kun la tragedia morto de ĝia aŭtoro. Centoj da bonegaj francaj artistoj pereis en la bataloj, sed iliaj nomoj estis forgesitaj. La sukceso de la libro de Hémon donas la solvan vidpunkton por kompreni la ŝanĝojn kiuj okazis en la amaso de franca inteligentaro post la milito.

„Maria Chapdelaine" estas simpla naiva rakonto el vivo de francaj elmigrintoj en Kanado. Ĝi estas rakonto pri insista batalo de homo kun severa naturo por sia ekzistado. La familio de Chapdelaine estas fortike kunfandita per amo, insisto, religio, forŝirita je kelkaj dekoj da kilometroj de aliaj homaj loĝlokoj, sen ia hejma komforto. Ĝi batalas kaj venkas la naturon. La maljuna Chapdelaine, ĉiufoje kiam ĉirkaŭ lia pionira hejmo elkreskas vilaĝeto, preĝejo, komercejoj, komencas brui la homamaso, denove forlasas la malnovan lokon kaj foriras al la nova. Pli malproksimen venas li al frosta nordo dehakante arbojn, farante plugitajn grenkampojn. Ĉiuj membroj de la familio, ĝia superhoma laboro dum mallonga somero kaj longa frosta vintro estas priskribitaj de la aŭtoro belege. Maljunulino Chapdelaine, kiu estas la centro de la hejma fajrejo falas el vivo la unua, elturmentita de freneza laboro, kun revoj pri la fina ripozo, neniam dum sia vivo plendinte. La morto de la maljunulino, la lastaj dankaj rememoroj pri ŝi de la maljunulo, tiu mirakla franca pioniro, estas la plej belaj paĝoj de la romano, ili estas kvazaŭ himno al la franca virino, paŝanta silente ĝis la fino kun sia amato. Belega estas la rolo de ilia filino Mario Chapdelaine, kiu estas ensorĉita per la rakonto de ŝia amanto, kiu venis el mistika malproksima urbo, lumigita de elektra lumo, plena da diversspecaj amuzoj kaj distriĝoj. Kaj por momento ekmalaminta sian eternan migrantan vivon, sian mizeron, kruelan nordon, insistan fizikan laboron Mario kvazaŭ en revelacio komprenas ĉion kiam mortas ŝia patrino. La patrino en tiu ĉi momento estas por ŝi supera idealo kaj la filino sen hezito restas en la nordaj regionoj liginte sian vivon kun tiu de simpla vilaĝano. Ŝi malakceptas riĉecon, komforton por rekomenci la malfacilan vojon tra kiu marŝas jam la trian jarcenton francaj pioniroj en Kanado.

Jen estas la ne tro komplika enhavo de la romano, ornamita per same simpla, mezurita stilo, simila al la griza severa vivo de la kanadaj kamparanoj.

Veninte ĝis la superaj limoj de rafinita arto, la franca inteligentularo revenas al la naturo, preferante la romanojn, similajn al „Maria Chapdelaine". La aŭtoro mem tamen ne estas karaktera franca verkisto, ĉar li laŭ deveno estas kolonisto el la francaj regionoj de Kanado.

Sen ia dubo la sukceso de la romano, krom la talento de ĝia aŭtoro estas klarigebla ankaŭ per tiu ideoŝanĝo, kiu okazis en la mensoj de la francoj post la teruraj okazintaĵoj de la lastaj jaroj.

*Skito.*

BOGDANOV-BJELSKIJ. — En Berlino oni faris ekspozicion el la bildoj de la rusa artisto-akademiano Nikolao Bogdanov-Bjelskij. Ĉar por la rusa arto lia nomo signifas tre multe kaj lia deveno el malriĉa me-

## NIAJ VERKISTOJ



IVAN H. KRESTANOFF
Membro de la Lingva Komitato.

dio difinis lian laborkampon jam de antaŭe, estas interesa doni tie ĉi lian mallongan biografian skizon.

Li naskiĝis en malriĉa dometo de vilaĝano, en vilaĝo Gluĥovo, distrikto de Bjelsk, Smolenska gubernio. Li vivis tiel kiel vivas la infanoj de ordinaraj rusaj kamparanoj. Sed jam de 6-jara aĝo li montris talenton: dum libera tempo de vilaĝaj laboroj li sin okupis per originala vilaĝa skulptarto, nome li el lignaj pecoj eltranĉadis figurojn de homoj kaj bestoj kaj en dimanĉaj tagoj lia patrino „ekspoziciis" liajn figurojn. Kiam li komencis viziti lernejon, li tuj estis fama pro lia alia artisteco: li pentris ĉevalojn.

Vilaĝo Gluĥovo estas najbara al vilaĝo Tatevo. Unu jaron antaŭ la naskiĝo de B.- Bjelskij, la posedanto de Tatevo, profesoro S. A. Raĉinskij, estis ŝanĝinta la katedron de Moskva universitato por tiu de simpla vilaĝa instruisto en sia hejma nesto. Estas konata fakto ke Raĉinskij la tutan vivon dediĉis al klerigo de vilaĝanoj kaj aparte favoris talentulojn el ilia medio. La instruisto de lernejo, kiun vizitis B.- Bjelskij, alkondukis la lastan al Raĉinskij por prezenti lin kiel tre interesan junan individuon: B. Bjelskij ne nur bone pentris sed ankaŭ kantis. B. Bjelskij plenumis la „ekzamenon" desegninte kelkajn ĉevalojn. Raĉinskij favorante B. Bjelskij'n evidente ne plene prijuĝis liajn kapablecojn, aŭ eble timis fari el li malsukcesinton, aŭ pro sia religiemo, ekintencis fari el B. Bjelskij pentriston de ikonoj. Li sendis sian favoraton al Monaĥejo de Sankta Sergio apud Moskvo. Tri jarojn pasigis B. Bjelskij tie, sed bedaŭrinde ne tro multe da tempo li havis en la monaĥejo. Li devis plenumi en ĝi strangan rolon jen de monaĥo-laiko, jen de simpla kortisto. Kaj nur dum mallongaj momentoj li povis fari sian amatan okupon. Poste Raĉinskij prenis lin el la monaĥejo kaj sendis al Moskva lernejo de portrarto kaj skulptarto, doninte por li periodan monan subtenon je 25 rubloj.

Tie ĉi Bogdanov Bjelskij baldaŭ montris siajn progresojn, liaj bildoj dum la ekspozicioj de la lernejo alturnis la atenton de la publiko. Kiam Bogdanov Bjelskij havis nur 18 jarojn li ekspoziciis en la ekspozicio de „Periodaj pentristoj" sian „Estontan monaĥon". La bildon aĉetis caro Aleksandro III-a por 500 rubloj. Bogdanov Bjelskij, ricevinte kelkajn monrimedojn post la vendo de siaj pentraĵoj, rifuzis plu akcepti la monsubtenon de Raĉinskij kaj forveturis Parizon, kie li laboris sub la gvido de Cormond kaj Collerossi; en Parizo li gajnis tri arĝentajn medalojn. De tiu tempo li fariĝas ĉiama ano de ĉiuj periodaj artaj ekspozicioj. Estante tre juna li ricevis la rangon de ano de la Akademio de Artoj en Rusujo. Liajn pentraĵojn ial tre ekŝatis usonanoj kaj li ofte sendis siajn laborojn al Pittsburg. En 1911-a jaro por la monda ekspozicio en Romo li sendis sian „Nomtago de instruistino". Tiu ĉi bildo estis poste ekspoziciita en *München* kaj aĉetita de angloj.

Ĉefa temo de l' pentraĵoj de Bogdanov Bjelskij estas: vilaĝanaj infanoj inter la rusa naturo. Dum la lastaj jaroj N. Bogdanov-Bjelskij volonte pentras portretojn. Tiel lastjare li pentris la portretojn de baritono Ŝaljapin, de latvaj ministroj k. t. p. Ankoraŭ unu specialaĵo de B. Bjelskij estas lia artista kapableco pentri florojn.

El ekspoziciitaj pentraĵoj en Berlino altiras la atenton: „Kompanio", „Infanoj en arbaro", „Lernantino", „Kaptado de riveraj kraboj" kaj „Socializacio" karakterizanta nuntempa rusa folkloro. *Skito.*

Kiel LA POETO DE L' SPORTO prezentis sin la franca poeto *Paŭlo Souchon* en sia lasta volumo, titolita: Kantoj de l' Stadiono. La poeto, cetere tre bonfama kaj talenta, apartenanta al la plej modernaj, ŝatata kiel eminenta artisto de formo, konsiderata kiel profund-inspira serioza verkisto, entuziasme agordas sian liron por la honoro de la sporto. La unua parto de la libro gloras la sporton de la klasika mondo, la dua parto prikantas la belecon de la nuntempaj sportludoj. La franca kritiko iom mire registras ĉi tiun strangan kaj apartan evoluon de poeto, kiu, komencinte sian karieron per delikataj melankoliaj kaj doloraj elegioj, nun venis al la kantoj de vivĝojo, ludo, elokvento de korpo. *—G.*

---

## BIBLIOGRAFIO

MORGAŬ MATENE. — Dramo en tri aktoj de *Frederiko Karinthy* kun antaŭparolo de la aŭtoro. El la hungara tradukis *K. de Kalocsay* Eldono de Hungara Esperanto Instituto. 1923. Budapest. Prezo 1 svfr.

Al amantoj de monda literaturo estas certe konata la verkadmaniero de la pola verkisto St. Przybyszewski. Li skribas ĉiam kvazaŭ ekster tempo kaj medio, nudigante kaj akcentante en la frazo la penson. Liaj herooj nevideble plenumas tiun aŭ alian ideon, kiujn li volas reliefe elmontri kaj analizi. Konataj estas ankaŭ la dramoj de la rusa verkisto L. Andrejev, kiu la samon celas fari sur la scenejo. Sed la herooj kaj pensoj de ambaŭ estas simbolismaj, forŝiritaj de vivo. Komprenoj kaj esploroj pri bono kaj malbono, pri la eterna kaj vera.

F. Karinthy havis intencon iom identan prezentante sur scenejo homon kaj ties agojn en medio rafinita de ordinaraj cirkonstancoj. Dezirante figuri la vivon li volus haltigi ĝin, sed tio estas neebla. Ĝi ne estas haltigebla en sia relativeco, sanĝemo kaj movado. Kaj serĉante la eliron li, kiel satiristo, prenis malrektan spegulon kaj ne forŝirante de vivo la dramon li prezentis ĝin en arlekena formo, kie la homoj aperas kun virtoj kaj malvirtoj karikaturaj, kiel kulturitaj baciloj. Kaj por pligrandigi la impreson li eĉ renversis la ordon de kutima dramo: en lia teatraĵo la unua akto estas inkube peza melodramo, la lasta — viva kaj gajtona. La ĉefa heroo de la dramo estas inĝeniero Ember inventinto de novtipa aeroplano-torpedo, direktebla per elektraj ondoj de sur la tero. En la unua akto li estas ĝisfunde kompatinda, mokata kaj neglektata de siaj amikoj, forlasita de sia eksedzino, kiun ĝenas lia amo al ŝi kaj kiu havas por li nur kompaton. Ŝia pasio estas grafo Beniczky: bonmaniera, aroga aristokrato. La lasta, dezirante forigi Ember'on, sed vidante ke li

ne akceptos la duelon, proponas lotumi inter ili memmortigon. Ember malgajnas kaj elektas por la plenumo de sia malgajno la tagon de sia prova flugo. En la dua, pure romantika akto, finna doktoro Olson, aperinte kiel ombro, proponas al Ember kuraci liajn nervojn kaj volon. Kaj la tago de l'flugo, en la tria akto, prezentas la operaciitan Ember jam tute alia, nerekonebla homo. Post sia sukcesa flugo li mem ludas la rolon de mokanto kaj eĉ atakas grafon Beniczky, kiu embarasite forkuras, dum al sia tie restinta eksedzino Ember konfesas, ke li estas jam libera de sia antaŭa sento.

Tiel artefarita kaj karikatura, la dramo tamen ĉiupaŝe frapas per ia stranga vero, kiu troviĝas en la vortoj kaj agoj de ĝiaj strangaj herooj. Estas fakte korŝirantaj la sinceraj turmentaj krioj de l'pereanta, malforta sed honesta homo, kiun en la reala vivo jam savus nenio kaj por kiun savi en sia dramo F. Karinthy alprenis la unikan miraklan metodon. „Morgaŭ matene“ estas vere moderna kaj pensiga verko. Ĝia lingvo estas plensenta, delikata kaj intima, prezentante per tiu intimeco la ĉefan karakteran trajton de la hungaraj verkistoj, kiu donas al iliaj kreaĵoj valoron ne malpli grandan ol la ĉion utiliganta sintezo de la germanoj, profunda memanalizo de la rusoj, kavalireco kaj sentoŝparemo de la angloj kaj originaleco, ofte pikanteco de l'francoj.

La nomo de la ŝatata tradukinto ne bezonas ke ni aldonu ankaŭ laŭdojn pri lia atente farita laboro. Konsiderinte la ĵus notitajn komplikajn ecojn de la dramo oni kun miro kaj plezuro konvinkiĝas ke Esperanto plene taŭgis en la viglaj kaj specifike naciaj lokoj de la dialogoj, kiujn evitinte per simpligita traduko, la tradukinto estus forpreninta de la dramo ĝiajn plej valorajn momentojn.

La libro, krom sia interesa kaj instrua enhavo, estas ankaŭ atente kaj bone eldonita; preseraroj preskaŭ tute forestas. *Skito.*

JULIO BAGHY: PRETER LA VIVO.

Jen libro, kiun ni aklamu per sincera bonveno, kiel veran juvelon en la krono de la Esperanta literaturo.

Ĝia enhavo konsistas el versoj, kiuj estas plejparte jam presitaj kaj konataj al nia legantaro, sed kiuj, nun kolektitaj, belforme grupigitaj en unu loko, donas tre fortan impreson.

Kvazaŭ ia granda lenso koncentrigis la radiojn de tiuj versoj kaj per sia fokusa punkto tuŝas niajn korojn kaj ekbruligas ilin. Tre malmultaj estas la homoj, kiuj restas nesentantaj la fajran ektuŝon — la koncentrigita varmo ja venas de poeto, kiu mem kvazaŭ brulas en la flamoj de sia sincera talento!

„Preter la vivo“ bezonas ankoraŭ grandan esploran kaj kritikan studon, ĉar ĝia efiko al nia literaturo estas tre signifa. En nia internacia poezio ĝi estas nova venko, nova atingita ŝtupo kaj samtempe nova elira punkto por la estontaj formoj kaj serĉadoj.

En la labora skizo de mallonga recenzo ni ne povas dece ektuŝi ĉiujn flankojn de la poezio de „Preter la vivo“ kaj por ni restas sole la modesta tasko: mencii nur pri ĝiaj ĉefaj karakteraj trajtoj.

La tuta libro spiras per la plej alta kaj pura romantikismo kun aldono de la vagabonda estetiko. Kaj kiel ĉiu impresita romantikisto J. Baghy estas kantisto de animaj travivaĵoj. Se estus ial necese difini lian lokon ne nur en la nia sed ankaŭ en la monda literaturo, ni nomus lin „unu el la plej efikaj pioniroj de la internacia pacifism-esperantisma romantikismo“ kies kreinto estis nia kara Majstro.

Preter la perspektivo de la vivo, for de ĝi kruela por homoj havantaj delikatajn korojn kaj sentemajn animojn, — al altaj montpintoj (situacio adorata de Baghy: lia emo observi la vivon, la mondon, urbojn kaj homojn de montsupro) kondukas nin la poezio de Baghy, kaj invitinte nin al sia reva regno la poeto komponas por ni melodiojn kaj plektas sonojn de sia sorĉista ritmo.

De tie, de la montaj pintoj, ni ĝuas pitoreskajn panoramojn, brilon de sunlumigitaj valoj; dum la montaj deklivoj en ombro, la mallarĝaj montpasejoj-fendaĵoj prezentiĝas al ni de supre infere mallumaj kaj malgajaj.

La vivo kaj la mondo tamen donas temojn al Baghy, ili naskiĝas en liaj ĉiamaj doloroj pro tiu vivo kaj pro la mondo, sed liaj fantazio kaj talento faras la temojn pli reliefaj. La poeto vindas ilin per sia senlima amo al homoj, aspergas per sinceraj larmoj kaj lumigas per puranima gajeco.

Liaj versoj estas konstanta lirika fluo, celado al belo kaj bono. Sed belon kaj bonon detruas en la mondo la tragedio de la vivo kaj tial Baghy estas inklina prikanti tiun tragedion, en ĝiaj senfine-diversaj kombinaĵoj kun homaj animo kaj koro, sentoj kaj pasioj.

Romantikismo kreas belajn formojn de la vivo, realismo tro ofte ilin detruas.

Baghy foriras de tiu realismo, iras preter la vivo kaj prikantas siajn plezurojn, ĝojojn kaj dolorojn pro ilia propra enhavo, ne zorgante pri la rezultoj, ne farante profundajn konkludojn.

Tial liaj versoj elmontras lin „poeto pro Dia favoro“, restas puraj kaj graciaj, ĉar ili celas percepti la idealan, la konstantan kaj eternan sencon de la vivo.

Same tial oni vane serĉus en la libro eĉ unu strofon, kiu prezentus la vivon tiel kiel ni kutimas vidi ĝin priskribita en la pure realista, modernisma kaj futurisma poezio, kun ĝia kinematika flugo, malelasteco, abundeco de subjektaj formoj, imitoj kaj intensiva sonado en ĉiu momento, kune kun la emo al la tuja kaj nepre fina rezulto aŭ konkludo.

La poezio de Baghy, estante estetika funkcio de lia perfekta Esperanta lingvo, konsistas kontraŭe el formoj riĉaj je predikatoj, logikeco kaj sentimenta simbolismo. Liaj lirikaj emocioj de artisto neniom kripligas la lingvon pro la postuloj de subjeto, sed enportas en la stilon grandan flegon kaj zorgon.

Kun esperiga ĝojo ni rimarkas ke Baghy en sia verkado, en la kreado de novaj formoj, neniam saltas trans malplenaj lokoj kaj restas ĉiam konsekvenca verkisto, perfekte konanta la eventualan staton de nia lingvo kaj literaturo. Per tiu ago li montras modestecon de klera, moderna samideano kaj tiu ago samtempe servas kvazaŭ garantio ke li same konsekvence, nur eble pli rapide kaj brile, venos al nepraj novaj venkoj kaj atingoj.

Parolante pri la tekniko de lia stilo ni metu sur la unuan lokon la instrumentigon de vokaloj kaj konsonantoj, kiu atingis ĉe Baghy majstrecon antaŭe neviditan en nia literaturo, (vidu la ludon de ondoj en „La mar' furiozas“). Unu el la unuaj li tre trafe ekuzis la asonancojn.

Tra la tuta libro li restas nur originala.

Kreinte multajn originalajn poeziajn fragmentojn-proverbojn li kvazaŭ penetras la parolatan ĉiutagan Esperantan lingvon.

Kiel aŭtoro de multaj belaj arioj kaj romancoj muzike transponitaj, li restas nia ĉiama amiko dum koncertoj kaj amuzaj vesperoj.

Krom ĉio alia la lingvo de Baghy mirigas per sia Fundamenta stilo kaj korekteco. Li scias ofte vivigi kaj komprenigi vortojn, alie restantajn nur peza enciklopedia surŝarĝo de niaj vortaroj.

Kara leganto, se vi aĉetos la libron, mendos por ĝi belan bindaĵon kaj metos ĝin sur la intiman lokon de via skrib- aŭ labortablo, vi baldaŭ komprenos la senton kaj kaŭzon, kial oni tiel ofte renkontas sur la tabloj de angloj bele binditajn versvolumetojn de Swinburne aŭ Burns, ĉe francoj de Verlaine, ĉe germanoj de Heine, ĉe rusoj de Apuĥtin. Kiel por tiuj nacianoj la menciitaj aŭtoroj tiel same por vi Baghy, en siaj verkoj, fariĝos baldaŭ via ofta kunparolanto kaj amiko kaj konsolanto en momentoj, kiam la malfermita animo kvazaŭ atendas venon de la evangelia anĝelo por malkvietigi kaj purigi la malklarajn ondojn de la banejo de Bethesda. *Skito.*

ALEKSANDRO PETOFI: JOHANO LA BRAVA. — El la hungara originalo: K. de Kalocsay. — Poŝformato. 88 paĝoj. Budapest, 1923. Eldono de „Literatura Mondo".

La faman poemfabelon de la granda hungara poeto Petőfi konas ĉiu hungaro, klera aŭ neklera. Per sia historio ĝi amuzas la simplulojn, per sia poezia riĉeco ĝi ĉarmas la instruitojn. La poemo estas eĉ transskribita en melodramon, kiu estas preskaŭ konstanta repertuaro de la koncerna budapeŝta teatro.

Jen la historia skizo de la fabelo:

La heroo de la rakonto, Janĉi Kukorica (Johaĉjo Maizo) estas infano trovita. La edzino de iu farmulo trovis lin en la maizkampo; ŝi decidis lin eduki, malgraŭ la akraj protestoj de sia kruela edzo. Baldaŭ la bonkora virino mortis, kaj la eduko de Janĉi daŭriĝis inter multaj batoj, insultoj, fastadoj. Kiam li atingis la junaĝon, li fariĝis ŝafpaŝtisto, li gardadis la ŝafaron de la farmulo. — Janĉi estas saĝa, prudenta, lerta, forta, honesta, lojala kaj justama.

En la sama vilaĝo vivis malriĉaj geedzoj; ili havis filinon: Ilnjo (Helenjo). La patrino mortis, la patro reedziĝis. Poste la patro ankaŭ mortis, kaj tiamaniere la kompatinda Ilnjo restis kun la malbonega duonpatrino; ŝia vivo estis konstanta serio da turmentoj kaj suferoj.

Janĉi kaj Ilnjo fariĝis geamantoj. Unu fojon, ĉe ilia amrenkonto, granda parto de la ŝafaro malaperis. Pro tio la furioza farmulo volis mortbati Janĉi'n, sed tiu ĉi forkuris.

Kortuŝe adiaŭinte sian amatan Ilnjon, li forlasis la vilaĝon, por trovi vivrimedon aliloke. Li venas en arbaron, kie li trovas kabanon de dekdu rabistoj. Ili volas lin mortigi; sed li ŝajne aliĝas al la bando kaj artifike ebriigas la rabistojn kaj brulmortigas ilin, liberigante tiamaniere la regionon de tiuj danĝeraj mortigistoj.

Poste li daŭrigas sian vojaĝon. Li renkontas husaran taĉmenton, kiuj iras en Francujon por helpi al la francoj venki la turkojn. Nun li korplezure aliĝas al la belaj husaroj kaj forlasas kune kun ili Hungarujon, trairas diversajn landojn, laŭvice Tatarujon, Italujon, Polujon, Hindujon, travivante ĉie strangajn aventurojn, fine ili alvenas Francujon, kie la turkoj rabas, mortigas, ruinigas ĉion. La turkoj eĉ forrabis la filinon de l' franca reĝo.

La hungaroj venkas la turkojn; Janĉi mortigas la turkan militestron, savas la reĝidinon kaj kondukas ŝin al la reĝo. La reĝo proponas al Janĉi la manon de sia filino kaj sian tronon, sed Janĉi rifuzas ĉion, ĉar li povas ami nur Ilnjon. Li rakontas nun la historion de sia malfeliĉa vivo. La franca reĝo elnomas lin nobelo kaj donas al li la nomon „Johano la Brava". Cetere li riĉe rekompencas lin, donante al li multe da oro kaj da aliaj trezoroj.

Jen Johano nun estas riĉa. Li reiros Hungarujon, edzigos Ilnjon kaj vivos en plena feliĉo. Li do surŝipiĝas; sed malfeliĉe la ŝipo pereas kaŭze de ventego. Ĉiuj vojaĝantoj dronas, nur Johano saviĝas — sen siaj trezoroj — kun strangaj, mirindaj cirkonstancoj: furioza ondego jetas lin supren, ĝis la nuboj, li rapide ekkaptas la nubon kaj alkroĉiĝinte ĝi transportas lin al altega roko, sur kies supro li trovas neston de grifo (fantazia birdo).

Li sidiĝas sur la dorson de tiu giganta birdo kaj tiamaniere „rajdante" li alvenas al sia vilaĝo. Tie li sciiĝas, ke Ilnjo mortis. Malĝoje li vizitas ŝian tombon, deŝiras de tie unu rozon „kiu elkreskis el ŝia koro" kaj li sencele foriras, malproksimen.

Tiel li alvenas al la limo de la Lando de l' Gigantoj. Foriginte la malhelpaĵojn, li eniras en la palacon de l' reĝo, kiu, kun siaj kunuloj, vespermanĝas — ili manĝas rokojn, kaj ili volas manĝi ankaŭ Johanon. Sed Johano lerte mortigas la reĝon; tiam la timigitaj gigantoj lin elektas reĝo. Johano rifuzas, li postulas nur fidelecon de ili. Ili do transdonas al li sorĉan fajfilon: kie ajn li estos kaj bezonos helpon, li devas nur fajfi per ĝi. Li foriras.

Baldaŭ li atingas la Landon de Mallumo, la landon de sorĉistinoj. Tie estas ĉiam mallume. Kun helpo de gigantoj li ekstermas ĉiujn sorcistinojn, el kiuj la lasta estas . . . la duonpatrino de Ilnjo. Kaj jen la lando nun fariĝas luma.

Poste li dormas en tombejo, kie, post noktomezo, la spiritoj eltombiĝintaj klopodas ektimigi lin — sed vane, Johano timas de nenio.

Fine li alvenas al la mondfina marbordo, al la bordo de l' Fabloceano. Li volas trairi ankaŭ tiun ĉi, li do fajfovokas giganton, kiu lin portas tra tiu senfina maro.

Subite li ekvidas teron: tiu estas Felando. Lerte li forigas la terurajn malhelpaĵojn kaj li eniras en tiun mirinde belan landon. Tie li vidas ĉie nun ĝojon, plezuron, volupton kaj tiu kontrasto al lia dolorplena koro instigas lin al memmortigo; li ja ne povas plu porti la ŝarĝon de l' vivo sen Ilnjo. Li trovas belegan lagon en la mezo de Felando, li volas sin dronigi en ĝin. Sed, almenaŭ simbole, li volas kuniĝi kun Ilnjo; li prenas la rozon ŝiritan de ŝia tombo kaj jetas ĝin en la akvon „por montrigi al si la sekvotan vojon". Kaj jen, la rozo ŝanĝiĝis en Ilnjon; ĝi ja estis la lago de l' vivo.

Dume ĉarmaj gefeoj amasiĝis ĉirkaŭ ili. Tiuj trovis ilin tiel belaj, saĝaj, amindaj, ke ili tuj elektis Johanon reĝo kaj Ilnjon reĝino. Kaj ili vivas nun feliĉaj.

*

Jen naiva historio, el kiu Petőfi faris majstroverkon. Kalocsay, la tradukinto, klopodis konservi tiun majstrecon de la poezio, de la stilo, de la efiko — kaj li bone sukcesis. „Oni ja certe ekkomprenos, ke la popolfantazio havas sian specialan mondon kaj ke ĉi tiu mondo prezentiĝas — per majstra interpreto de genio — en ĉi tiu verko. Certe neniu volas ĉerpi el ĝi natursciencajn aŭ geografiajn konojn" — diras la tradukinto, en siaj rimarkoj, kaj tute prave.

Mi ne intencis skribi kritikon pri la verko (mi ja ne estas kompetenta pri tio ĉi), mi volis ĝin nur konigi. Kaj tion ĉi mi jen faris.

Pri la traduko mi ne havas multon por diri. La sola fakto, ke la tradukinto estas Kalocsay, estas nerenversebla rekomendilo. Lia nomo ja estas bonege konata de niaj legantoj — kion mi diras „de niaj legantoj"? ne! de la tutmonda esperantistaro. Oni ĉiam plezure legas liajn belritmajn poemojn, kaj oni povas sincere gratuli lin pro ĉi tiu sukceso. Ni hungaroj, kiuj konas la originalon de „Johano la Brava", duoble admiros tiun sukceson. Ĉar Kalocsay solvis ne nur la malfacilan taskon, en kiu konsistas la konservo de la aleksandra versformo, sed ankaŭ li donis al ni tradukon laŭfraze tiel fidelan, kian oni renkontas nur malofte ĉe niaj poetoj. Pri tiu punkto Kalocsay estas majstro.

Tiu tasko de la tradukinto estis tiom pli malfacila, ĉar la originalo estas verkita en tre simpla, popola lingvaĵo. Pro tio, kvankam fidela al la fundamento, li sentis sin devigata uzi kelkajn neologismojn, por povi kiel eble plej fidele redoni en Esperanto la hungarismojn, tiamaniere tamen, ke la tuja kompreno neniel estu malhelpata. Efektive, en ĉiu lingvo oni trovas tiajn „deflankiĝojn" devenantajn el fremdaj lingvoj aŭ el dialektoj, kiuj donas al la parolo ian ĉarmon, aŭ almenaŭ karakterizas ĝin, elreliefigante pli rimarkeble la nuancon de l' ideo. Ni povas konstati, ke Kalocsay tre ŝpare uzis ilin, kaj ĉe la plej granda parto de tiaj vortoj li metis klarigan noton. Tiamaniere tiuj neologismoj, kiel poetaj liberecoj, aperas kvazaŭ oazoj

sur la dezerto, kvazaŭ multkoloraj birdetoj pepantaj en la kaĝo de vadbirdoj, kiuj ornamas la rigidan unutonecon per siaj freŝecoj, per siaj petoladoj.

Laŭ eksteraĵo, la broŝuro estas agrabla, plaĉa; ĝi estas poŝformata. — Presita en la presartinstituto „Globus", ĝi estas bonguste kompostita, kun bele gravuritaj, facile legeblaj literoj, kaj tre klare presita, sur bona papero. Du ilustraĵoj ornamas ĝin. Difektoj ne estas en ĝi, se ne kelkaj tute sensignifaj preseraretoj, kiel: unu manko de supersigno; unu punkto anstataŭ komo; alia punkto anstataŭ dupunkto; ĉapitra numero XIV anstataŭ XXIV; — jen ĉio, kion mi trovis en ĝi post la nuna tralego (kaj konsideru, ke laŭmetie mi estas preskorektisto!). Se mi pacience traesplorus ĝin, per mikroskopo, eble mi trovus ankoraŭ kelkajn similajn; sed — pardonu, kara leganto — mi havas nek paciencon, nek... mikroskopon! *Paŭlo de Lengyel.*

---

# MONDEKONOMIA OBSERVO

LA EKONOMIA SITUACIO EN AMERIKO (HARRY E. WARD). La stato de la amerika industrio montras daŭran pliboniĝon, eĉ, en la lasta monato, grandan suprensvingiĝon, nenion oni vidas, kio montrus danĝeron de inflacio. Do la nuntempa nerefutebla prospero ŝajnas stari sur sana bazo. Ĉi tiu aspekto de sanaj komercaj cirkonstancoj karakterizas iagrade ĉiujn teritoriojn de la komerco. La *ŝtalindustrio* nur pene povas kontentigi la aĉetemon, ĝi laboras, laŭ la raporto de *U. S. Steel Corporation* kun 90% de sia laborpovo kaj nur pro kelkaj eksteraj kaŭzoj — vagonoj, laboristoj, brulmaterialo, — ĝi restas sub sia plej alta laborkapablo. *La aŭtomobilindustio* havas kolosan produktadon kaj tre bonajn perspektivojn pri daŭre granda aĉetemo. Tamen la malfavoraj cirkonstancoj de 1920. ankoraŭ postlasis ian frostotremon en la dorso de la fabrikposedantoj, kaj tial estas rimarkebla eĉ nun ia, ne malgranda, malcerteco. La prosperado de la *konstruindustrio*, rimarkebla jam de longe, fariĝas ĉiam pli evidenta. Sed, pro la tre altaj kostoj de materialo kaj de laborforto, la longa daŭro de ĉi tiu florado estas grave pridubebla. La enspezoj de la *fervojoj*, de kiam la ŝtatoj ĉesigis la kontrolon, estas tre grandaj, ĉar la ŝarĝekspedo estas tre vigla. En la *teksindustrio* ni trovas grandan aktivecon. La provizoj estas multe elĉerpitaj, eĉ, en kelkaj fakoj minacas preskaŭ varmanko, instiganta por establo de pluraj novaj uzinoj. Ĉi tio, kompreneble, ne restas senefika al la kotonindustrio, kio, siavice, portas kun si gravan plivastiĝon de la kotonplantaĵoj. La ciferoj pri komercaj cirkonstancoj estas ankaŭ tre favoraj, de 1921 la bankrotoj ĉiam pli maloftiĝas. Ĉi tion oni povas bone valorigi, kiel simptomon de la ĝenerala ekonomia stato de la lando.

Do, la ekonomia evoluo ŝajnas marŝi sur la plej bona vojo, kaj enlande, ne atentante pri la eksterlandaro, oni povas diri la situacion esperplena. Sed en la mondmerkatoj, tiom gravaj por la amerikaj produktaĵoj, ankoraŭ regas tre malcertaj cirkonstancoj, kaj ankaŭ en la enlanda politiko sin montras tendencoj, kiuj, kvankam eble ne grave danĝeraj, tamen estas sufiĉe seriozaj por esti atentataj zorgeme kaj konstante, por ke konfuzoj kaj malordoj ne ĝermu el ili. La milito portis kun si ankaŭ en Usono tion, kion oni kutimas nomi „troa enmiksiĝo de la registraro en la ekonomian vivon". Ĉiuj nacioj donis, por pli etika militgvido, ĉiujn rimedojn de l'lando, homojn, monon, organizon, en la manojn de l'registraro. Ties sekvo estis, ke la grandaj industribaronoj, gvidantaj komercistoj, ĉefaj reprezentantoj de l'scienco oferis siajn interesojn al la granda komuna afero, kaj la ŝtato disponis tiamaniere pri tia kvanto de komercaj, financaj kaj sciencaj talentuloj, kia neniam estis eĉ imagebla inter normalaj cirkonstancoj.

Sed la rezulto estis duflanka. La malnovaj metodoj en la komerca vivo estis eluzitaj, la uzinoj malorganizitaj por normalaj produktceloj, la tuta sistemo estis kolorita tro registarmaniere, ĉeestis neevitebla, sed malfeliĉa miksiĝo de elementoj kiuj ne miksiĝas en la normala industria kaj komerca vivo. Ĉi tiun situacion oni devis poste malfari, la talentulojn redoni al ilia privata funkciado, ĉiun sur la ĝustan lokon. La plena plenumo de ĉi tiuj postuloj ne povis okazi dum mallonga tempo. La enmiksiĝo de la registaro, kaj ne nur la efektiva kontrolo, sed ankaŭ la burokratismo estis certe pli granda, ol estis necese por la komuna bonfarto. En kelkaj rondoj oni estas ema kredi, vidante la senduban ĝeneralan prosperadon, ke la militsekvoj jam estas transiritaj. Tio estas falsa opinio. La fakto de la komerca prospero estas bone ebla malgraŭ la nedezirindaj elementoj en la organismo, kies eliminon oni povas atingi nur post tempo. Per aliaj vortoj: absoluta sano, same kiel ĉe la homaj korpoj, ankaŭ ĉe la socialaj kaj ekonomiaj organismoj estas maloftaĵo.

Konscia pri ĉi tio la popolo montris viglan intereson pri la rimedoj proponitaj en la lasta kunsido de la kongreso. La bilon pri la subvencioj de navigasocioj oni severe ekzamenis, furioze kontraŭbatalis kaj fine faligis. Kvankam la publika opinio estas dividita en ĉi tiu demando en du partojn preskaŭ egalajn, tamen la bilon oni povas rigardi kiel definitive forĵetitan. Alia proponita kaj — laŭ multaj opinioj malfeliĉe — akceptita leĝo estas tiu pri la agrikultura kredito, kiu montras novan tendencon de la enmiksiĝo de l'registaro en la ekonomian vivon. Ĝi difinas, ke la registaro signas kapitalon de 60 milionoj da dolaroj por la 12 „Federal Intermediate Credit Agencies", kiuj laboros sub la gvido de la jam ekzistanta „Federal Farm Loan Board" (Farm-prunteĵo). Krome estos eldonitaj en dekobla valoro pruntbiletoj, kio signifas pluan krediton de 600 milionoj, uzotan por la subteno, evoluigo kaj intensigo de la agrikulturo.

Tia tro granda eluzo de tiel grandaj kreditoj kompreneble kunportas la danĝeron de la inflacio kun ĝiaj nedezirataj ekonomiaj sekvoj. Sed la movado iras eĉ plue. Ŝtataj agrikulturaj kreditkorporacioj, devos esti kontrolitaj per la financoficejo, korporacioj, kies kapitalo estas kolektita per privataj pruntedon-signadoj. Ĉi tio signifas pluan enmiksiĝon de la registaro en la ekonomian vivon. Eĉ se tiuj institucioj ne endanĝerigas esence la financsistemon de la lando, tamen jam la ebleco de la evoluo en nedezirinda direkto estas plendinda afero. Ĉar nia financsistemo estas alte evoluinta kaj bone elprovita. Ĝi staris kvazaŭ roko en la milito kaj neŝanceleble eltenis la periodojn de la febra inflacio kaj la depresion ĝin sekvantan.

En la lasta kunsido de la kongreso oni aŭdis la proponon de prezidanto Harding pri tio, ke la lando partoprenu la rekonstruon de Eŭropo per la eniro en la *mondtribunalon*, kio, laŭ la prezidanto ne estas samsignifa kun la partopreno en la Ligo de la Nacioj. Ĉi rilate sin trovas ŝajne tre forta opozicio klariganta al la prezidanto kaj al la lando ke ne estas eble partopreni la mondtribunalon sen la eniro en la Ligon de la Nacioj. La demando estos certe multe diskutata. Nia popolo jam de komenco volis, eĉ avide volis partopreni la solvon de la postmilitaj problemoj de Eŭropo. Sed ĝis nun ne estis proponita plano kiu sajnis akordigebla kun la naciaj tradicioj kaj oportuna laŭ ĝiaj rezultatoj.

Nun aperas la ideo de la mondtribunalo, kaj eble oni povas fari sur ĝia bazo kompromison, en kiu renkontiĝas la diversaj opinioj de nia lando kaj per kiu oni povas krei formulon por la partopreno de Ameriko en la mondrilatoj, partoprenon, kiu al ĉiuj ŝajnos justa kaj portos fine al niaj amikoj en Eŭropo la tiel urĝan helpon.

---

**ANONCOJ:**
**GRANDAJ LAŬ INTERKONSENTO!**
**MALGRANDAJ:**
**PO DU ENPRESOJ LA PREZO DE UNU NUMERO!**
**PAGO NEPRE ANTAŬE!**

---

EL LA TRADUKOJ ★ DE K. DE KALOCSAY

## DU KOKCINELOJ

DE GÉZA GÁRDONYI — PREZO SV. FR. 0.25

Interesaj, ĉarmaj noveloj — *Por sama prezo:* — ŝendebla ankaŭ per pmarkoj

## PAĜIO DE L'REĜINO

Poezia, gaja teatraĵo — Tradukita de K. de Kalocsay

*Mendu ĉe:* PAŬLO BALKÁNYI VI, HAJÓS-UTCA 15 BUDAPEST (HUNGARLANDO)

---

## ORIENTO!

**TIE BALDAŬ OKAZOS UNIV. ESP. KONGRESO**

Havigu al vi tuj la ampleksajn literatursciencajn verkojn, kun koloraj etnografiaj kartoj, en plej konciza Esp., laŭdataj de ĉiuj:

**LA BULGARA LANDO KAJ POPOLO,**
**LA PROKSIMA ORIENTO**

Ambaŭ kontraŭ: 1 dol., 5 sv. fr., 10 fr. fr., 25 ĉ. kr., 10.000 g. Mk. (laŭ la monvaluto de l'mendinto) sendas rekomendite la aŭtoro:

**IVAN KRESTANOFF**
DRESDEN—A. 16, WINTERGARTENSTR. 9

---

## MODERNAJ ROBINZONOJ!

? ? ? ? ? ? ? ? ? ? ? ? ?

---

## *Könyves Kálmán*
*r.-t.*

Fama eldonejo de reproduktaĵoj por artaj bildoj! Desegnaĵoj, pentraĵoj de mondfamaj artistoj! Rekomendas siajn eldonaĵojn Petu ilustritan prezaron kontraŭ 2 svisaj frankoj

*Budapest VI, Nagymező-utca 37–39*

---

## S E N S A C I O
## DE NIA LITERATURO

ESTAS LA DU LIBROJ ĴUS APERINTAJ:

JULIO BAGHY:

## PRETER LA VIVO

poemkolekto de la poeto

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| Numeritaj ekzempleroj ... ... ... ... ... | 5 sv. fr. |

*

ALEKSANDRO PETŐFI:

## JOHANO LA BRAVA

Popolfabelo en versoj

trad. K. de KALOCSAY

| | |
|---|---|
| Simpla, bela eldono ... ... ... ... ... | 1 sv. fr. |
| Luksa eldono ... ... ... ... ... ... ... | 2 sv. fr. |
| 50 numeritaj ekzempleroj kun 4 kvarkoloraj ilustraĵoj, po ... ... ... | 5 sv. fr. |
| 30 numeritaj ekzempleroj kun 8 kvarkoloraj ilustraĵoj, bindite ... ... | 10 sv. fr. |

*Sendu la abonprezon en naciaj bankbiletoj aŭ iel ajn al*

**„LITERATURA MONDO“**
BUDAPEST VI, ANDRÁSSY-UT 81 (HUNGARUJO)

---

Direkcio de la revuo:

## „ITALA ESPERANTA REVUO”

(„L'ESPERANTO”)

*OFICIALA ORGANO DE ITALA ESPERANTISTA FEDERACIO*

*Monata ilustrita revuo, kiu ĉiam enhavas artikolojn pri la naturaj kaj artaj italaj vidindaĵoj kaj tradukojn el itala mondfama literaturo. Arta kovrilo. (Abonprezo: dudek foje la kosto por afranko de ordinara letero al Eksterlando lau nacia tarifo).*

**S. VITO AL TAGLIAMENTO (Italujo)**

---



## ĈU VI VIDIS

JAM LA HUNGARAJN ARTBRODAĴOJN?

*

Kolorplenaj laboroj, taŭgaj donacobjektoj

*

Revendistoj serĉataj!

DEMANDU PREZON DE

**P. BALKÁNYI** BUDAPEST VI, HAJÓS-UTCA 15

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró